JULIO 1934 Aperas dekfoje dum la jaro SESA NUMERO




# Literatura • arta • ilustrita • revuo

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

### Verkoj de JULIO BAGHY:

**Dancu Marionetoj,** noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo,** noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj,** romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

### Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo,** Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
**Petőfi: Johano la brava**
luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro,** silkebind. — 5.—
bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
**Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
**Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto** vol. I. A—J bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—

### ALIAJ VERKISTOJ:

**S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
**Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. 7.—
**J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50
broŝ. 1..0
**Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
**Szilágyi: La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. 1.35
**Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo,** kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — — 15.50
**L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
**Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
**I. Sirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
**H. Weinhengst: Turŝtrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ 4.—
**E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — 6.—
broŝ. 4.50
**K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
**K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
**Hungara Ŝlosilo** — — — — — 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2–4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto **Antwerpen,** Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Alec Venture, **Mitcham,** (Surrey) 42 Hawkes Road.
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Ma.ia Luiza 38.
**ĈEĦOSLOVAKIO:** Otto Sklenĉka, **Hradec-Kralové.** Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV·e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Leo Moreau, **Arnhem,** Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, **ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto Tokio, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

**La redakton de tiu ĉi numero afable helpis s-ro rektoro S a m J a n s s o n**

# *Fluge super la moderna sveda literaturo*

En *Viktor Rydberg* (1828—1895) ankoraŭ batalas ĉiuj ideoj kaj perceptoj de la 19-a jarcento, la romantikismo, la platona idealismo, la gotikismo kaj la liberalismo. — Sed jam sonas la trumpeto de la nova epoko.

La unua, senkondiĉa reprezentanto de la nova epoko estas *Aŭgusto Strinberg.*

Kiu li estas?

Ĉu li estas demokratia batalanto por la malaltaj klasoj, aŭ ĉu li estas malestimplena aristokrato, predikanta la ideojn de Nietzsche, aŭ titano, kiu ribelas kontraŭ Dio kaj diablo, ekkriante: »Ni estas dioj«, kiu piedpremas homajn sanktaĵojn, moralon kaj religion? Aŭ, ĉu li estas konvertiĝinta pekulo?

Vera Proteo li estas, ĉe kiu nenio estas konstanta krom la ŝanĝemo; giganto, kies krio, sufero, baraktado estas giganta. Li estas la Antaŭmilita Homo, en kies interno jam sin kaŝas la ideologio postmilita kaj tial ni sentas nin tiom parenca al Strindberg.

Ĉirkaŭ Strindberg grupiĝis la t. n. »Juna Svedujo«, verkistoj, kies religio estis la pozitivismo kaj kiuj postulis veron en la vivo, en la socio, sed tiom akre, ke en la plenkria batalo, ofte modeste, honte flankeniris la celo kaj restis nur la vortkirlo. Nun aperas la virina problemo en la romantika formo de akraj atakoj kontraŭ la viro, kiu estas bruta, fripona, stulta kaj malkuraĝa. *Gustaf av Geijerstam* (1858—1909.) estas tiu, kiu aspiris gvidrolon en tiu batalo; lia voĉo estas pli sincera kaj profunda, kiam liaj aspiroj estas malpli pretendemaj kaj dum siaj lastaj jaroj li jam reprezentas tiun burĝan socion, kies senindulga atakanto iam li estis.

Ni devas preterkuri indajn nomojn el tiu epoko, kies reago estis la serĉado de la koloroj, la fuĝo el la grizo al la brila gloro, al la oraj tradicioj. La fantazio rekonkeras sian revomondon kaj en la naŭdekaj jaroj la historiaj tradicioj kaj la kreskanta tradiciismo jubilas en la sveda literaturo.

La komenco de tiu ĉi jarcento respegulas ian solenan ĝojon, kontentiĝon pri ĉio estanta; eĉ la sufero kaj la morto estas rigardataj en repaciga lumo, kiel bonaj potencoj, necesaj akcesoraĵoj kaj kompletigiloj de la plena vivo.

La transiron al tiu ĉi epoko reprezentas; *Verner von Heidenstam,* kiu ĵus iĝis 75-jara kaj *Oscar Levertin.* (1862—1906.)

Heidenstam pro sia ofta malsano, pasigis multe da tempo en la ofte prikantita oriento, sed li ne blindiĝas pro la arda brilo de la orienta suno, li rimarkas ankaŭ la ombrojn, la polvon, ŝviton kaj pulojn. Kiam li revenas, tamen tage kaj nokte li resopiras la malproksiman ardon, same kiel li sopiris al la pura, bazalta Nordo, kiam li estis en la Oriento; lia animo frapiĝas de roko al roko, de la moderna socio al la araba primitiveco. Li restas ĉie fremdulo, kiel lia heroo, Hans Alienus, kiu tramigras la mondon kaj submondon, sed nenie povas enradikiĝi. Lia maljuna aĝo alportas al li trankviliĝon; kiel Goethe li atingas la »altaĵon de la vespero», de kie oni kviete povas rigardi al la mondo.

Oscar Levertin estas klerulo, la unua judo en la sveda literaturo, kiu neniam sentis sin fremda, kaj eble pli vive ol kiu ajn dum tiu epoko, li rekreis la trezorojn de la sveda tradicio.

*Per Hallström* (nask. 1866.) serĉas siajn temojn en la grekaj fabeloj, en la kavalira tempo, en la renesanco; lia plej ŝatata koloro estas la purpuro, lia plej esplorata motivo estas la nobliganta morto.

Sed la koro de la popolo, — de la tuta popolo — estas rezervita al tri aliaj aŭtoroj el la provinco: al instruistino, al dekadenca ĵurnalisto kaj al kampula studento.

La instruistino, kiun ni menciis kiel unuan, estas Selma Lagerlöf. Pri ŝi ni parolas malmulte ĉi tie. Ŝia grandeco devenas de ŝia abunda fantazio; ŝia figurkreanta forto estas unika. La limo de ŝiaj kapabloj estas teknika kaj stila; la fabelo, la mirakloj ne povas ĉion solvi; sed ŝia forta kredo pri la bono de la homoj, tamen estas bela, kortuŝa kaj en certa periodo de la apatia laciĝo — refreŝiga. Selma Lagerlöf, antaŭ nelonge iĝis 76-jara.

*Gustaf Fröding* (1860—1911) estis malfeliĉa heredanto de du malsanaj gepatraj spiritoj, drinkemulo, kiu per sia poezio pure brilas el la ĉirkaŭanta koto. Li estas majstro de la lingvo, revanto de freneze fantaziaj sonĝoj, pentranto de la hejmaj regionoj, kies poezio estas kunigita al la plej profunda socia indigno. Eterna skeptikulo, li baraktas inter la severa asketismo de Tolstoj kaj la disŝiranta ĉiun ligon Nietzsche. Kaj la punkto de tiu ĉi kaleidoskopa vivo estas la frenezulejo.

*Erik Axel Karlfeldt* (1864—1904) heredas sanan, fortan homecon, li estas la tria, la kampulo-studento; ekonomia katastrofo ĵetas lin en la urbon, de kie li resopiras, kie li revivas la plej svedan, plej tradician provincan vivon de la pitoreska Dalekarlio. Helaj, gajaj koloroj kaj idol-adora energio alternas; ruĝaj dometoj brilas, kiel vakcinioj en la verda herbo kaj bluaj lagoj ridas al ni. Reaperas la naivaj, tamen ĉiam religie seriozaj bildoj de la dalekarliaj pentraĵoj: la profeto Elija, kiu en dalekarlia ĉaro ekiras al sia ĉiela vojaĝo, dum multkolora bukedo de virinoj kaj scivola infanaro gapas la najbar-onklon, kiun Dio invitis por amika priparolado. En liaj poemoj, tamen estas ankaŭ malhelaj ombroj, angoro, malespero; en malfeliĉaj horoj lia sentema animo batalas kontraŭ malhelaj potencoj, sed la ĉiutaga batalo, la politiko estas preskaŭ tute fremda al li.

Nur fragmentajn frazojn, vortojn ni povas en tiu ĉi mallonga artikolo dediĉi al la brile talenta *Pelle Molin* (1864—1896), kies frua morto senigis la svedan literaturon de unu el la plej grandaj promesoj, — pri la majstro de la epizod-literaturo, *Albert Engström* (nask. 1869), pri la fervora kaj idealista edukistino de la tuta, samepoka sveda socio, *Ellen Key* (1849—1926.)

Kaj nun ni jam atingis la epokon de la malaktiveco, kiun periode disigas mallonge efikaj krizoj. La atmosfero estas plena de deprimo kaj la sopiro por la uragana repuriĝo aperas en la dramo de *Tor Hedberg,* en »Johan Ulfstierna«.

La verkista tipo de la stokholma jarcentfino estas *Hjalmar Söderberg* (nask. 1869) kun sia laca melankolio, indiferenta rideto, apatio, kiujn kelkfoje plifreŝigas pli sana, momenta vigliĝo.

La lirikisto *Bo Bergman* (nask. 1869) estas jam la infano de nia epoko. Li serĉas la malhelajn ombrojn de la vivo; li ne estas indiferenta spirito; li estas koro kaj amo, sed neniukaze energia vol-heroo.

Sed *Sven Lidman* (nask. 1882) komence erotikulo, poste aktivisto, fine piulo reprezentas la fortan volon en la literaturo, kiun la okazaĵoj iom primokas;

# LA RUĜA ĈAMBRO

— August Strindberg —

LA UNUA ĈAPITRO.

*Stokholmo en birdperspektivo.*

Estis vespero, komence de majo. La parketo sur *Mosebacke* ankoraŭ ne estis malfermita por la publiko kaj la florbedoj ankoraŭ ne prifositaj, la neĝfloroj*) suprenigis sin tra la foliamasoj de l' pasinta jaro kaj ĝuste estis finantaj sian mallongan agadon por doni lokon al la pli delikataj safranfloroj, kiuj trovis rifuĝon sub senfrukta pirarbo; la siringoj atendis sudan venton por ekflori, sed la tilioj ankoraŭ oferis en siaj nefenditaj burĝonoj amfiltron al la fringoj, kiuj ekkonstruis siajn likenkovritajn nestojn inter trunko kaj branĉo; ankoraŭ neniu hompiedo surpaŝis la sablajn vojetojn post la foriĝo de l' lastvintra neĝo, jen kial la bestoj kaj floroj ene vivadis senĝene. La paseroj kolektis ĉifonaĵojn, kiujn ili poste kaŝis sub la tegolojn de la navigada lernejo; ili interbatalis pri la splitoj de l' raketingoj de la lasta aŭtuna artfajraĵo, ŝirkolektis la pajlon de sur junaj arboj, kiuj la antaŭan jaron liberiĝis el la Rosendala plantejo — kaj ili rimarkis ĉion! Ili trovis *barège*-ĉifonojn en la laŭboj kaj el inter la splitetoj de benkpiedo sukcesis eltiri harfalaĵojn post hundoj, kiuj ne plu batalis tie post la Jozefina tago pasintjara. Estis vigla vivo kaj kverelo.

Sed la suno staris super *Liljeholmen* kaj pafis faskojn da radioj orienten; ili pasis tra la fumaro super *Bergsund* rapidis antaŭen super *Riddarfjärden*, suprenrampis la krucon sur la preĝejo de *Riddarholmen*, transĵetis sin sur la krutan tegmenton de Tyskan,**) ludis kun la flagrubandoj sur la boatoj apud Skeppsbron, iluminis en la fenestroj sur la granda Lagdoganejo, prilumis la arbarojn de Lidingö, kaj fortoniĝis en rozkolora nubo, fore, fore, ekstere en la vasto, kie kuŝas la maro. Kaj de tie venis la vento kaj ĝi faris la saman veturon reen tra *Vaxholm*, preter la fortikaĵo, preter la Mardoganejo, laŭ la insulo *Sikla*, eniris malantaŭ *Hästholmen* kaj rigardis al la somerplezurejoj; denove eksteren, daŭrigis kaj envenis en *Danviken*, ektimis kaj forkuregis laŭ la suda bordo, sentis la odoron de karbo, gudro, kaj fiŝoleo, alpuŝiĝis kontraŭ *Stadsgarden*, suprenveturis sur *Mosebacke*, internen en la parketon kaj batiĝis kontraŭ muron. Guste tiam malfermis la muron servistino, kiu ĵus forskrapis la gluaĵon*) de la internaj fenestroj; terura odoro de fritgraso, bierresto, abibranĉaĵo kaj segaĵo eltorentis kaj ĉion forigis malproksimen la vento, kiu nun, dum la kuiristino enspiris freŝan aeron tra la nazo, uzis la okazon por kapti la fenestrovaton surŝutitan de brilaĵoj kaj berberis-beroj kaj petaloj de dornrozo, kaj komencis rondodancon laŭ la vojetoj, kiun baldaŭ partoprenis la paseroj kaj fringoj, ĉar ili jene vidis siajn loĝejzorgojn plejparte forigitaj.

Intertempe la kuiristino daŭrigis sian laboron pri la internaj fenestroj kaj post kelkaj minutoj la pordo de la kelĉambro al la verando estis malfermita, kaj juna sinjoro eliris en la ĝardenon, simple, sed elegante vestita. Lia vizaĝo montris nenion malkutiman, sed liaj rigardoj enhavis melankolion kaj maltrankvilon, kiuj tamen foriĝis, kiam li elvenis el la malvasta kelĉambro kaj lin renkontis la vasta horizonto. Li turnis sin al la ventflanko, disbutonumis la surtuton kaj kelkfoje plene ekspiris, kio ŝajne pli malpezigis liajn brustkorbon kaj humoron. Poste li komencis promenadi tien kaj reen laŭ la bariero, kiu disigas la ĝardenon de la krutaĵo ĉe la lago.

Profunde sub li bruis la jus vekiĝinta urbo; la vaporleviloj turniĝis sube en la urbĝardena haveno, la ferstangoj krakadis en la ferpesejo, la fajfiloj de l' kluzgardistoj fajfis, la vaporŝipoj ĉe Skeppsbron vaporis, la omnibusoj de Kungsbacken saltis klakante antaŭen sur la rondŝtona pavimo; bruo kaj krioj en la fiŝistejo, veloj kaj flagoj flirtantaj ekstere sur la rivero, la krioj de l' mevoj, trumpetsignaloj de *Skeppsholmen*, komandvortoj de la placo de *Södermalm*, la frapado de labordungitoj per la lignoŝuoj sur la Glasbruk-a strato, ĉio faris impreson pri vivo kaj vigleco, kiuj ŝajnis veki la energion de l' juna sinjoro, ĉar lia vizaĝo nun alprenis esprimon de obstino kaj vivĝojo kaj decidemo, kaj kiam li klinis sin super la barieron kaj rigardis malsupren sur la urbon sub siaj piedoj, li faris tion kvazaŭ rigardante malamikon; liaj naztruoj larĝiĝis, liaj okuloj flamis kaj li levis sian pugnigitan manon, kvazaŭ li volus provoki la kompatindan urbon aŭ minaci ĝin.

Nun oni sonorigis la sepan en la Katrina*), kaj Maria**) akompanis per sia splena soprano, kaj la Katedralo kaj la Germana Preĝejo aliĝis kun siaj basoj, kaj baldaŭ la tuta spaco tremis de la sonaro de ĉiuj urbaj sonoriloj, kiuj batis la sepan; sed kiam ili silentiĝis, unu post la alia, ankoraŭ aŭdiĝis tute fore la lasta, kantante sian pacplenan vesperkanton; ĝi havis pli altan tonon, pli klaran tinton kaj pli rapidan takton ol la aliaj — ĉar ĝi havas tian! Li aŭskultis kaj provis eltrovi de kie venis la sono, ĉar ĝi vekis memorojn en li. Tiam lia mieno iĝis tiom mola kaj lia vizaĝo esprimis la doloron, kiun infano spertas, kiam ĝi rimarkas, ke oni lasis ĝin sola. Kaj li estis sola, ĉar liaj patro kaj patrino kuŝis malproksime en la tombejo de Klara, de kie ankoraŭ aŭdiĝis la sonorilo, kaj li estis infano, ĉar li kredis ankoraŭ ĉion, kaj veron kaj legendojn.

La sonorilbatoj en Klara eksilentis, kaj lin elŝiris el liaj pensoj bruo de paŝoj sur la sablovojo. De la verando eta homo venis kontraŭ lin, kun longaj vangharoj, okulvitroj, kiuj ŝajnis pli servi por ŝirmo al la rigardoj, ol por la okuloj, malica buŝo, kiu ĉiam alprenis amikan eĉ bonvolan esprimon, duone rompita ĉapelo, beleta surtuto kun difektaj butonoj, la pantalonoj hisitaj je duona masto, la irmaniero atestanta tiel pri certeco, kiel pri timemo. Laŭ lia ŝvebanta ekstero estis maleble difini societan staton aŭ aĝon. Oni povis same bone opinii, ke li estas metiisto, aŭ oficisto, kaj li ŝajnis esti laŭ aĝo inter 29 kaj 45 jaroj. Sed nun li ŝajnis flatata pro la societo de la persono, al kiu li iris renkonte, ĉar li levis nekutime

*) botanika nomo: *Galantoj*, laŭ sveda esprimo »*Neĝgutoj*«.

**) *Tyskan* ( = la Germana) preĝejo en Stokholmo.

*) gluaĵo = oni kutimis en Svedl. vintre glui paperon sur la interfenestran fendon

*) Katrina kaj

**) Maria estas stokholmaj preĝejoj

---

la vol-plenan skurĝemon ni povas admiri ankaŭ en *Sigfrid Siwertz* (nask. 1882), kiu pentras nigrajn portretojn sur malhelan fonon.

Kaj fine ankoraŭ kelkaj nomoj: *Vilhelm Ekelund* (nask. 1880), mistikisto, kiu vivas en anima alpklimato; lia disĉiplo, *Anders Österling* (nask. 1884), virtuozo de la modernaj versoj kun efektiva amo kaj kredo pri la humanismo kaj fine *Hjalmar Bergmann* (nask. 1883), la akrevida kritikisto, kiu prezentas centojn da homoj, el kiuj eĉ unu ne estas aminda, ili estas ĉiuj bagatelemaj, malicetaj kaj tamen tiom kompatindaj.

Tiel ni atingis nian memelektitan limon en nia rapida transflugo, — la militon. El la abismo de la krizo kreskis nova generacio kun novaj idealoj, novaj esprim-manieroj, pri kiuj hodiaŭ ni ne parolas, ĉar ni vivas iom tro en la plej zigzaga kaoso kaj ni estas tro proksimaj al la bildo, kies valoron ni volus prijuĝi.

*B-an.*

alten la arkforman ĉapelon, kaj alprenis sian plej bonvolan rideton.

— La sinjoro distriktjuĝisto kredeble ne devis atendi?

— Eĉ ne momenton; la horloĝo ĵus batis la sepan. Mi dankas vin, ke vi bonvolis veni, ĉar mi devas konfesi, ke tiu ĉi renkonto estas gravega por mi; ĝi preskaŭ koncernas mian estontecon, sinjoro Struve.

— Ah, ĉu vere!

Sinjoro Struve palpebrumis iomete, ĉar li ja atendis nur grogtrinkadon kaj ne tre emis pri serioza interparolado, kaj tio ne estis sen kaŭzo.

— Por ke ni povu pli bone interparoli, daŭrigis la distriktjuĝisto, ni sidu ekstere, se vi ne kontraŭas tion, kaj trinku grogon.

Sinjoro Struve tiretis la longajn vangharojn, singarde premis malsupren la ĉapelon kaj dankis pro la invito, sed estis maltrankvila.

— Antaŭ ĉio, mi petas, ne plu titolu min distriktjuĝisto, reprenis la parolon la juna sinjoro, ĉar tio mi neniam estis, nur eksterordinara notario, kaj ĉi lasta mi ĉesis esti hodiaŭ kaj estas nur sinjoro Falk.

— Ĉu?!

Sinjoro Struve aspektis kvazaŭ li estus perdinta eminentan konatecon, sed restis bonvola.

— Vi, liberalulo . . .

Sinjoro Struve provis peti la vorton por klarigi sin, sed Falk daŭrigis:

— Mi serĉas vin kiel kunlaboranton en la liberala »Ruĝkufo«.

— Eh, mi estas tiel sensignifa kunlaboranto . . .

— Mi legis viajn flamajn artikolojn pri la laborista demando kaj ĉiuj aliaj demandoj, kiuj kuŝas sur nia koro. Ni kalkulas nun *Anno III* kun romaj ciferoj, ĉar nun estas la tria jaro, kiam la nova reprezentantaro kunsidas, kaj ni baldaŭ vidos niajn esperojn realigitaj. Mi legis viajn bonegajn biografiojn en la Kamparanamiko pri la politikaj gvidantoj, viroj el la popolo, kiuj fine povas prezenti, kion ili tiom longe portadis en siaj mensoj; vi estas progresemulo kaj mi alte taksas vin!

Struve, kies rigardo estingiĝis anstataŭ ekbruli pro la fajra parolo, plezure akceptis la fulmforigan proponon kaj fervore ekparolis.

— Mi devas diri, ke mi aŭdas kun vera plezuro rekonon de juna kaj, mi devas diri, eminenta persono, kiel la distriktestro, sed aliflanke kial ni parolu pri ajoj tro seriozaj, por ne diri funebraj, tie ĉi, kiam ni estas ekstere en la sino de l' naturo, nun, la unuan tagon de l' printempo, kiam ĉio burĝonas kaj la suno disigas sian varmon en la tutan naturon; ni restu sen zorgoj kaj trinku nian glason en paco. Pardonu, sed mi kredas, ke mi estas pli aĝa studento — kaj kuraĝas — eble tial proponi . . . .

Falk, kiu eliris kiel siliko por serĉi ŝtalon, sentis, ke li hakis en lignon. Li akceptis la propenon sen ia varmo, kaj la novaj fratoj nun sidis tie kaj havis nenion por diri unu al la alia krom la elreviĝo, kiun atestis iliaj vizaĝoj.

— Mi ĵus rakontis al vi, frato, daŭrigis Falk la interparolon, ke mi rompis kun mia pasinto kaj forlasis la oficistan karieron; nun mi volas nur aldoni, ke mi intencas fariĝi literaturisto!

— Literaturisto! Diable, kial do? Estas domaĝe.

— Ne estas domaĝe, sed nun mi volus demandi, ĉu frato scias, kien mi devas iri por ricevi ian laboron?

— Hm! Efektive estas malfacile diri tion. Tiom granda amaso alfluas de ĉiu direkto. Sed ne pensu pri tio. Estus vere domaĝe, ke vi interrompu; estas malfacila kariero tiu de la literaturistoj!

Struve aspektis kvazaŭ li opinius, ke estas domaĝe, sed ne povis kaŝi certan kontentecon, ke li ricevis kunulon en la malfeliĉo.

— Sed diru al mi, li daŭrigis, kiu estas do la kaŭzo, ke vi forlasas karieron, kiu donas kaj respekton kaj potencon.

— Respekton al tiuj, kiuj arogis al si la potencon, kaj potencon al la senindulguloj.

— Ho, babilaĉo! Ne estas tiom grave!

— Ĉu ne? Nu, same bone kiel ni povus paroli pri io alia . . . Mi volas nur prezenti al vi la internon de unu el la ses oficejoj, kien mi enskribis min. La unuajn kvin mi tuj forlasis pro la natura kaŭzo, ke tie ne troviĝis ia laboro. Ĉiufoje kiam mi venis supren kaj demandis, ĉu estas io por fari, estis la ĉiama respondo: Ne! kaj mi eĉ ne vidis iun ajn, kiu faris ion. Kaj tio ĉi okazis malgraŭ tio, ke mi estis en tiom gravaj oficejoj kiaj la *Kolegio por Brandproduktado, Kancelariejo por Impostŝarĝado kaj Generala Direktejo por la Pensioj de l' Oficistaro.* Sed kiam mi vidis tiujn amasojn da oficistoj, kiuj rampadis unu sur la alia, aperis en mi la penso, ke la oficejo, kiu elpagas la salajrojn de ĉiuj ĉi, tamen devas havi ion por fari. Sekve mi enskribis min en la *Kolegion por la elpago de la salajroj de l' Oficistaro.*

— Ĉu vi estis en tiu oficejo? demandis Struve, kiu komencis interesiĝi.

— Jes! Mi neniam povos forgesi la grandan impreson, kiun faris sur min mia enpaŝo en tiun perfekte kaj bone organizitan oficejon. Mi supreniris je la dekunua horo a. t., ĉar oni tiam estus devinta malfermi la oficejon. En la pedelĉambro kuŝis du junaj pedeloj klinigitaj surtablen kaj legis La Patrujon.

— La Patrujon?

Struve, kiu antaŭe ĵetadis sukeron al la paseroj, komencis pintumi la orelojn.

— Jes! Mi deziris bonan matenon. Serpenteca moveto laŭ la dorsoj de la sinjoroj rimarkigis, ke oni akceptis mian saluton sen rekta antipatio: unu el ili eĉ faris geston per la kalkanumo de l' dekstra boto, kiu estus de-



Karl Eldh — *August Strindberg*

## Kritiko

— Bo Bergman —

Ĉu estas karnopec', el brust ŝirita
ĉu vorto eĉ, per larm' aŭ sang' skribita,
ĉu er', eĉ unu, el la vivo ŝvita
en tiu ĉi bombasta poezi' —
troornamita arabesk-ebri'?
Tre bona, certe, la metia lerto,
sed venu vir', virino — ne nur sperto —
kaj korp', animo en la vortriveron!
Ne vort' pro vort'. Nur tio povas mem
eniĝi unge koron kaj radike teron,
en kio kuŝas vera viva sem'.

Trad. *Magda Carlsson.*

## NUN IRAS ŜIP'

— Bo Bergman —

Nun iras ŝip' balance al cel',
ho dance al cel' ventplenas la vel'.
mi flustras ion al via orel' —
la ŝipa nom': Feliĉo.

Teruraj ondegoj frapas kun bru',
jen blankas rifdorsoj en nigra blu',
ŝipestro tamen direktas plu,
ĉar nom' de l' ŝip': Feliĉo.

Se ili venas al verda la strand',
ho verda la strand', kun roza ruband'
knabin' tie staras, mansignas de l' rand'
al ŝip' kun nom' Feliĉo.

Hoj-hojas responde de l' mastoj, snurar',
huraas gajuloj sur blua mar',
kaj... jen maristo kun bukloj, ĉar
la ŝipa nom': Feliĉo.

Kaj buŝo ruĝa malfermas nun sin,
malfermas nun sin la buŝ' de l' knabin',
ŝi ĝemas, petegas: kunprenu min
surŝipe de Feliĉo.

Sed kredu al mi, kun ĉi pasaĝer'
la ŝipo pereos; kredu al ver':
knabinoj sur mar', knabinoj sur ter'
danĝeras al feliĉo.

Trad. *M. C.* kaj *S. Jn.*

## Revuloj

— Bo Bergman —

Malluma la frunt', revema ir',
La vestoj ĉifone surpendas,
La brakojn ili kun vibra sopir'
al trompa vizio etendas —
jes, iras por stelo, por nub' aŭ vent',
por fulmo, kapric', iluzio,
kaj premas al lipoj je sakrament'
kalikon kun vin' Fantazio.
Ne domon, ne grenon — al fremda cel'
forlogas la fatamorgano.
Se donus stelojn la Di' de l' ĉiel'
kaj tutan mondon Satano,
ne ĉesus pro tio soifa brul':
nur migri, nur serĉi kun reva okul' —
allogas jam nova incenso.
Ĉar tuj malgraviĝas solvita demand'.
La grando troviĝas post tiu rand',
kie svene haltis la penso.

Trad. *Magda Carlsson.*

## ADAĜO

— Bo Bergman —

Ond' moviĝas, vent' muzikas
ondo, vent' karesas sin.
Post l' arbaro, ornuance
mar' sekala ondbalance
iulas sin.

Vi nur mankas; kor' indikas
tion per malema mov'.
Nun en dormon min muzikas
milde mola blov'.

Nuboj naĝas jen ventpele:
sur la blua ĉiellag',
sed silentas ili, glite:
cignoj kantas nur trafite
de la sag'.

Vundis vojo min kruele,
premas vivotragedi',
volus gliti mi ventpele
kun la cign' al vi.

Trad. *Magda Carlsson.*

---

vinta validi kvazaŭ manpremo. Mi demandis ĉu iu el la sinjoroj estas libera por montri al mi la ejon. Ili deklaris, ke ili estas malhelpitaj pro ordono, kiu ne permesas forlasi la pedelĉambron. Mi demandis, ĉu ne troviĝas pluraj pedeloj. Nu jes, troviĝis ja pluraj. Sed la ĉefpedelo havis ferion, la unua pedelo estis ne[illegible]rigita de la dejoro, la dua pedelo havis forpermeson, la tria estis ĉe la Poŝto, la kvara estis malsana, la kvina iris por trinkakvo, la sesa estis en la korto »kaj tie li sidadas tutan tagon«; cetere »neniam kutimas oficisto esti supre antaŭ la unua horo«. Jene oni atentigis min pri mia malkonvene frua, ĝena vizito kaj memorigis, ke ankaŭ la pedeloj estas oficistoj.

Post kiam mi tamen deklaris mian decidon, ke mi volas vidi la oficejojn por tiamaniere ricevi bildon pri la labordivido en tiom grava kaj vasta oficejo, la pli juna el la du iĝis mia akompananto. Grandioza vidaĵo renkontis min, kiam li malfermis la pordon kaj vico da dekses ĉambroj, jen grandaj, jen malgrandaj, staris antaŭ miaj rigardoj. Tie ĉi certe doniĝas laboro, mi pensis kaj mi sentis, ke mi trovis feliĉan ideon. La bruo de dekses betullignaj hejtaĵoj, kiuj brulis en dekses kahelfornoj, agrable rompis la solecan impreson de la loko.

Struve, kiu ĉiam pli atente aŭskultis, nun elfiŝis krajonon el inter la ŝtofo kaj remburaĵo de sia vesto kaj skribis 16 sur sian maldekstran manumon.

— »Jen estas la ejo de l' eksterordinaruloj« klarigis la pedelo.

— Ĉu vere? Ĉu estas multaj »eksteruloj« en ĉi tiu oficejo?« mi demandis.

— »Ho jes, sendube sufiĉaj.«

— »Kaj kion do faras ili?«

— »Ili skribas, memkompreneble, iom . . .« — Ĉi tie li aspektis tiom konfidema, ke ŝajnis al mi taŭge interrompi lin. Post kiam mi tramigris la ejojn de l' Kopiantoj, Notarioj, Kancelarianoj, Revizoro kaj Revizeja sekretario, Kontroloro kaj Kontrolor-sekretario, Advokatprokuroro, Kontoradministranto, Arĥivisto kaj Bibliotekisto, Kuratoro, Kasisto, Sindiko, Pronotario, Protokola sekretario, Aktuario, Registristo, Kontora sekretario, Oficejestro kaj Kontorĉefo, fine ni haltis ĉe pordo, sur kiu estis orlitere skribite: *La Prezidanto.* Mi volis malfermi la pordon kaj eniri, sed respektplene estis malhelpata de la pedelo, kiu kaptis mian brakon kun efektiva maltrankvilo kaj flustris »silenton!« — »Ĉu li dormas?« mi ne

povis reteni la demandon, pensante pri malnova legendo. »Pro Dio, diru nenion; neniu rajtas eniri tien ĉi antaŭ ol la Prezidanto sonorigas.« — »Ĉu do ofte sonorigas la Prezidanto?« — »Ne, mi ne aŭdis lin sonorigi dum la jaro, kiam mi estis ĉi tie.« — Ŝajne ni denove venis al la limo de l' konfido, jen pro kio mi interrompis lin.

Proksime al la dekdua komencis alveni la eksterordinaraj oficistoj, kaj mi estis iom surprizita, ke mi rekonis en ili nur malnovajn konatojn de la Generala Direkcio por la Pensioj de l' Oficistaro kaj Kolegio por Brandproduktado. Sed eĉ pligrandiĝis mia surprizo, kiam mi vidis, ke la Kontoradministranto de la Impostŝarĝejo enpromenas kaj eksidas en la ĉambro de l' Aktuario sur ties ledseĝon, kaj li aranĝis sin same hejmece, kiel mi vidis lin en la antaŭa loko.

Mi flankentiris unu el la junaj sinjoroj kaj demandis pri lia opinio, ĉu ne estus taŭge, ke mi eniru al la prezidanto por honorvizito. »Silenton« estis lia mistera respondo, dum li kondukis min en la okan ĉambron. Denove tiu mistera »silenton!«

La ejo, en kiu mi estis nun, estis same malluma, sed pli malpura ol ĉiuj aliaj. Ĉevalvostaj ĉifajoj eliĝis tra la fendoriĉaj ledoj de la mebloj; la polvo kuŝis dike sur la skribotablo, kie staris elsekiĝinta inkujo; tie kuŝis ankaŭ neuzita sigelvakso, sur kiun la antaŭa posedanto tekstis sian nomon kun anglosaksaj literoj, papertondilo, kies ŝtalmakzeloj kunfiksiĝis pro rusto, datmontrilo, kiu haltis somermeztagon antaŭ kvin jaroj, Ŝtatkalendaro kvin jarojn aĝa, kaj pakpapera folio, sur kiu estis skribite Julius Caesar, Julius Caesar, Julius Caesar, almenaŭ centfoje, interŝanĝe kun Onklo Noa, Onklo Noa, egale ofte.

— »Tiu ĉi estas la ĉambro de l' Arĥivisto, tie ĉi ni povas resti en paco, diris mia akompananto.

— »Ĉu do la Arĥivisto ne venas tien ĉi?« mi demandis.

— »Li ne estis tie ĉi dum kvin jaroj, do nun li devus honti veni tien ĉi!«

— »Nu, sed kiu zorgas pri lia ofico?«

— »La Bibliotekisto.«

— »El kio konsistas la dejoro de tiuj en oficejo kia la Kolegio por la elpago de la salajroj de l' Oficistaroj?«

— Ĝi konsistas el tio, ke la pedeloj vicigas la kvitancojn laŭ kronologio kaj alfabeto, kaj sendas ilin al la librobindisto, poste la bibliotekisto kontrolas ke oni starigu ilin sur la koncernajn bretojn.«

Ŝajnis, ke Struve nun ĉiam pli kaj pli ĝuas la interparolon kaj iam kaj iam li notĵetis vorton sur sian manumon, kaj kiam Falk faris paŭzon, li demandis ion gravan.

— Nu, sed kiel elricevis la Arĥivisto sian salajron?

— Oni sendis ĝin al lia hejmo! Ĉu ne simple? Sed mia juna kamarado nun konsilis al mi, ke mi eniru kaj riverencu al la Aktuario kaj petu lin prezenti min al la aliaj oficistoj, kiuj nun komencis alvenadi por movi la fajrojn en siaj kahelfornoj kaj ĝui la lastajn radiojn de l' fajrajo. La Aktuario laŭdire estis tre potenca kaj ankaŭ bonkora persono, rakontis mia amiko, kaj li tre ŝatis komplezon.

Nun mi, konanta la Aktuarion en la kvalito de Kontoradministranto, havis tute aliajn pensojn pri li, sed mi kredis al mia amiko kaj eniris.

En larĝa apogseĝo antaŭ la forno sidis la timata kaj streĉis siajn piedojn sur boacfelo. Li estis serioze okupata per prifumado de sukcena cigaringo, kiun li enkudris en gantledon. Por ne resti sen okupo, li komencis legi la hieraŭan Poŝtgazeton por konatiĝi kun la necesaj sciigoj pri la deziroj de l' Registaro.

Ĉe mia eniro, kiu ŝajne afliktis lin, li suprenŝovis la okulvitrojn kaj puŝis ilin sur sian kalvan verton; la dekstran okulon li kaŝis malantaŭ la marĝeno de la gazeto kaj per la maldekstra pafis al mi akran rigardon. Mi prezentis mian aferon. Li prenis la cigaringon en la dekstran manon kaj esploris kiom »efikis« je ĝi la fumado. La nun ekreginta terura silento tute pravigis mian antaŭtimon. Li kraĉtusis kaj poste aŭdigis siblan sonon en la



Borg *Alkoj*

fajrajo. Post tio li rememoris la gazeton kaj daŭrigis la legadon. Mi opiniis taŭge ripeti mian intencon laŭ ioma vario. Tiam li ne plu sukcesis regi sin. »Je diablo, kion volas la sinjoro? Mil diablojn, kion volas la sinjoro en mia ĉambro! Ĉu mi ne rajtas resti en paco en mia propra ĉambro? Kion?! Eksteren, eksteren, sinjoro! Mil diablojn, ĉu la sinjoro ne vidas, ke mi estas okupita! Parolu kun la pronotario, se la sinjoro deziras ion! Ne kun mi!« — Mi eniris al la pronotario.

Estis granda kunsido pri materialo, kiu daŭris jam de tri semajnoj. La pronotario prezidis kaj tri kancelarianoj zorgis pri la protokolo. La ensenditaj specimenoj de la liverantoj kuŝis dissutitaj sur la tablo, ĉe kiu sidis ĉiuj liberaj kancelarianoj, kopiistoj kaj notarioj. Oni decidis, kvankam tre diversopinie, pri 20 rismoj da papero de Lessebo, kaj post ripetaj provtranĉoj ili restis ĉe 48 tondiloj el la premiitaj produktoj de Gratorp (en kiu uzino la aktuario posedis 25 akciojn); la provskribado per la ŝtalplumoj daŭris tutan semajnon, kaj la protokolo pri la sama englutis 2 rismojn da papero; nun oni alvenis al la tranĉiletoj kaj la kunsidantoj ĝuste provis tiujn sur la nigraj tablosuproj.

»Mi proponas tiun de Sheffield, n-on 4, kun du klingoj, sen korktirilo, diris la pronotario, kaj prenis splitegon el la tablotabulo, tiom grandan, ke oni estus povinta per ĝi ekbruligi hejtajon. »Kion opinias la unua notario?«

Ĉi tiu, tranĉinta tro profunden dum la provtranĉo kaj trafinta najlon, kiu difektis tranĉilon de Eskilstuna, n-on 2, kun tri klingoj, proponis la nomitan specon.

Post kiam ĉiuj eldiris sian opinion kaj severe argumentis per aldonitaj praktikaj provajoj, la prezidanto decidis, ke oni mendu dudekkvar dekduojn da Sheffieldajoj.

Kontraŭ tio faris rezervojn la unua notario en ne mallonga parolado, kiu estis protokolita, kopiita en du ekzempleroj, registrita, laŭvicigita (alfabete kaj kronologie), bindita kaj metita de la pedelo sur taŭgan breton sub la kontrolo de la bibliotekisto. La rezervon traŝvebis varma patriota sento kaj ĝi akcentis speciale la bezonon, ke la ŝtato kuraĝigu la hejmlandan manufakturon. Ĉar tio signifis akuzon kontraŭ la registaro, tial ke ĝi trafis registaran oficiston, la pronotario devis defendi la registaron. Li komencis per historia skizo pri la deveno de l' manufaktura diskonto (ĉe la mencio »diskonto« ĉiuj eksterordinaruloj pintumis la orelojn), ĵetis rigardon sur la ekonomian evoluon de la lando dum la lastaj dudek jaroj, kie li tiom profundiĝis en la detalojn, ke la horloĝo batis la duan en Riddarholmen antaŭ ol li alvenis al la temo. Ĉe la fatala horloĝbato ĉiuj oficistoj suprensaltis de siaj lokoj, kvazaŭ fajro estus ekbrulinta. Kiam mi demandis junan kamaradon, kion signifas tio, respondis la maljuna notario, kiu aŭdis mian demandon: »La unua devo de l' oficisto, sinjoro, estas la precizeco, sinjoro!« Du minutojn post la dua estis tute senvive en la ĉambraro! »Morgaŭ ni havos varmegan tagon«, flustris kamarado al

mi sur la ŝtuparo. »Je Dio, kial?« mi demandis maltrankvile. »La krajonoj!« li respondis. Kaj vere fariĝis varmegaj tagoj! La sigelvaksoj, kovertoj, papertranĉiloj, sorbpapero, ŝnuro. Sed ĉio ĉi taŭgis, ĉar ĉiu ricevis okupon. Tamen venis tago, kiam tio ne sufiĉis. Tiam mi kuraĝiĝis kaj petis ian laborajon. Ili donis al mi sep rismojn da papero por netskribi hejme, por ke mi akiru meritojn. Tiun laboron mi plenumis dum tre mallonga tempo, sed anstataŭ gajni rekonon kaj kuraĝigon, oni traktis min kun malfido, ĉar oni ne ŝatis diligentulojn. Neniam plu mi ricevis laboron. Mi ne volas vin ĝeni per turmenta priskribo de jaro plena je humiligoj, malico, senlima amareco. Ĉion, kion mi konsideris ridinda kaj bagatela, oni pritraktis kun solena seriozeco, kaj ĉion, kion mi respektis kiel grandan kaj laŭdindan, oni malaltigis. La popolon oni nomis kanajlaro kaj opiniis taŭga nur por la garnizono por surpafi ĉe okaza bezono. Oni malkaŝe insultis la novan konstitucion kaj nomis la kamparanojn renegatoj.*) Tion mi aŭskultis dum sep monatoj; oni komencis suspekti min, ĉar mi ne partoprenis la ridadon, kaj oni provokis min. Proksiman fojon, kiam oni atakis la »opoziciajn hundojn«, mi eksplodis kaj tenis klarigan paroladon kun la rezulto, ke oni ekkonis min kaj mi fariĝis malebla. Kaj nun mi faras kiel multaj aliaj ŝiprompuloj: mi ĵetas min en la brakojn de l' literaturo!«

Struve, kiu ŝajnis malkontenta pro la fortranĉita fino, enpoŝigis la krajonon, eltrinkis sian grogon kaj aspektis distrita. Tamen li opiniis, ke li devas paroli.

— Kara frato, vi ankoraŭ ne ellernis la arton de l' vivo; vi spertos, kiom malfacilas, ricevi panon komence kaj poste vidi kiel ĝi iom post iom iĝas la ĉefaĵo de l' vivo. Oni laboras por ricevi panon kaj oni manĝas sian panon por povi perlabori pli da pano, por povi labori! Kredu al mi, mi havas edzinon kaj infanon, kaj mi scias, kion signifas tio. Oni devas adaptiĝi al la cirkonstancoj, ĉu vi komprenas? Oni devas adaptiĝi! Kaj vi ne scias kia estas la situacio de literaturisto. La literaturisto staras ekster la socio!

*) Tiu ĉi priskribo ne plu estas vera post la granda reorganizo de la oficejoj. (Noto de l' aŭtoro.)

## Poemoj

### de Verner von Heidenstam

#### LA ORNAMAĴO

La feliĉ' — virinornamo.
Fera sort', severaj dioj
kaj negranda pec' da pano —
jen porvira viv'.

#### LA ŜIPROMPIĜINTO

Post sovaĝa ŝtorm'
li ridetante varmigas la manojn
super rapide forbrulanta fajro,
sola sur la ŝero.
Jam morgaŭ sur rompiĝema floso
li saviĝos aŭ mortos.

#### POST MIL JAROJ

Vibret' en malproksima spac' memoro
pri dom' brilanta inter altaj arboj.
Kiu mi estis, kio, Kial ploris?
Forgesis ĉion mi, ŝtormkante ĉio
formuĝas inter ruliĝantaj mondoj.

Trad. *St. Engholm*

## PEJZAĜO KUN STELOJ

### — Anders Österling —

Malfrusomera nokt' fajrigas briliantojn,
dum ter' ripozas en magia lac'.
Ĵus falis en kapturnajn blu-Atlantojn
silente stel' — tra kiu fora spac'?
Sed sub la steloj duonlumo tuŝas
tegmenton etan; en la ombra dens'
birdnestoj kaj knabinalkovoj kuŝas,
kaj tien rajtas fuĝi mia pens'.

Mi tiun supron mia propra nomas
— punkteto firma ĉe senlima Trans' —
kaj miajn paŝojn konas, kiuj domas
post tiu pord' kun la amika ans'.
Se fremda iras mi sub noktaj sunoj,
sur ter' troviĝas jen por mi azil'
ĉe l' maro, kiu onde al la dunoj
kaj kortsalikoj kantas pri trankvil'.

Trad. *Magda Carlsson*

— Ja nature, tio estas la puno, ĉar li volas sin meti super la socion! Cetere mi abomenas la socion, ĉar ĝi ne baziĝas sur libera traktato, sed estas teksaĵo de mensogoj — kaj mi plezure fuĝas de ĝi!

— Komencas malvarmiĝi, rimarkigis Struve.

— Vere, ĉu ni ekiru?

La flamo de l' konversacio estingiĝis.

Dume subiris la suno, la duonluno surgrimpis la horizonton kaj nun staris super *Ladugardsgärdet*, jen unu jen alia stelo ekbatalis kun la taglumo ankoraŭ malfruanta en la supra spaco; la gaslanternoj ekbrulis sube en la urbo, kiu nun komencis silenti.

Falk kaj Struve migris kune norden, interparolante pri komerco, ŝipveturado, nutraĵoj kaj ĉio kio ne interesis ilin, poste ili disiris kun reciproka faciliĝo.

Falk migradis malsupren laŭ la Strömstrato kaj antaŭen al Skeppsholmen, kaj dume novaj pensoj ĝermis en lia kapo. Li sentis sin birdo, kiu flugis kontraŭ fenestrovitron kaj nun kuŝas frapita, ĝuste kiam ĝi intencis levi la flugilojn por elflugi en la liberon. Li sidiĝis sur benko sur la bordo kaj aŭskultis la bruetadon de l' ondoj; facila venteto susuris tra la florantaj aceroj kaj la duonluno briletis kun malforta lumo super la nigra akvo; dudek-tridek boatoj kuŝis ligitaj al la kajo, ili ektiris siajn ĉenojn kaj ili suprenigis siajn kapojn unu super la alian nur por momento, por tujposte subakviĝi: ŝajnis ke la vento kaj ondoj pelas ilin kaj ili atakis la ponton kiel incitita hundaro, sed la ĉeno retiris ilin, kaj tiam ili interbakis kaj frapadis, kvazaŭ ili volus forŝiri sin.

Tie li sidadis ĝis noktmezo; tiam ekdormis la vento, la ondoj ekripozis, la kaptitaj boatoj ne plu movis siajn ĉenojn, la aceroj ĉesis susuri kaj falis la roso.

Tiam li leviĝis kaj revante migris hejmen al sia soleca subtegmenta ĉambro malproksime ĉe *Ladugardslandet*.

Tion faris la juna Falk, sed la maljuna Struve, kiu samtage aliĝis al la konservativa Grizmantelo, post kiam oni eksigis lin de Ruĝkufo, iris hejmen kaj verkis por la suspekta Flago de l' Popolo korespondaj-artikolon »Pri la Kolegio por la elpagado de la salajroj de l' Oficistaro« 4 kolonojn por 5 kronoj po kolono.

El la sveda: *Tiberio Morariu.*

# NEĜO

– Albert Engström –

Unue mi devas rakonti historion, kiu dum pluraj tagoj ĝenis la memoron tiel, kiel malfacile forgesebla melodio.

Antaŭ nelonge mi vizitis dometon, en kiu mi ĝis tiam ne estis. Sed la interno ŝajnis al mi konata, kaj mi penis por rememori. La malfermita forno kun stana kandelingo kaj kafmuelilo sur la fornofriso, kaj en la angulo ĝuste tiu nigriĝinta ŝranko kun malheliĝintaj floroj. Fuksioj en la fenestro kaj sur certa plankotabulo truo post karboardaĵo, kaj sur la alta lito, la granda nigra kato kiu kontente murmuretas. Ŝajnis esti la sama kato — sed tiuokaze ĝi havus almenaŭ tridek jarojn!

Nun mi rememoras! Estas dimanĉa vespero antaŭ tridek jaroj en tutsimila dometo plej interne en la provinco Småland. Farmeto malproksime en densa kaj susuranta alta pinarbaro, kaj ne estas vojetoj en la neĝo. Mi kaj mia frato estas tie por aĉeti lakton, kaj dum la filino prizorgas en la bovinejo, estas gasto en la ĉambro la Fabelo, en formo de maljunulino, kiu sidante sur la sojlo de la kuireja pordo rakontas. Ne estas fabeloj por infanoj — eble tute ne estis fabeloj — tiam; sed antaŭ mia memoro ili nun havas karakteron de fabeloj.

Mi vidas unu el ŝiaj historioj kvazaŭ prezentata sur scenejo krepuska:

En apudmura lito kuŝas kamparano, li tre profunde dormas. Mi aŭdas lian fortan, trankvilan spiradon. Ĉe la fajrujo estas okupitaj du homoj, viro kaj virino. Ili flustrante kliniĝas super la fajron kaj kelkfoje li sin turnas, timeme rigardante al la dormanto. Subite ili stariĝas. Ŝi tenas brulantan lignospliton en la mano kaj li portas fandkuleregon, en kiu la plumbo bolas. »Nun vi nur rapidu!« flustras la virino, »Ne estu malkuraĝulo! Rapidu!« Kaj la palega viro kliniĝas super la dormanto en la lito, li kuŝas surflanke, kaj la viro verŝas la fluan plumbon en la orelon de la dormanto. La virino ĵetas la lignospliton sur la fajron, kaj la viro tremas tiom forte, ke la plankotabuloj skuiĝas. La lito iom kraketas, kvazaŭ la dormanto volus sin streĉi. Post tio ĉio silentas.

Estas la unua akto de la rakonto. Inter tiu kaj la dua pasis kvindek jaroj.

Tombejo. Tombo fosata. La fosisto subite disbatas frontonon de ĉerko putrinta. Kranio aperas. Li prenas ĝin per la ŝovelilo kaj ĝin suprenĵetas sur la teron. Tie liaj nepoj ludas. Nun ili ekhavas novan ludilon kaj komencas ruladi la kranion. Sed tre strange klakanta sono aŭdiĝas el la kranio, kvazaŭ en ĝi estas ŝtono. »Avo, kio estas en la kranio?« La tombofosisto prenas la kranion kaj skuas ĝin. Poste li per la ŝovelilo disbatas ĝin. En ĝi troviĝas plumbobulo, neregule longforma. La fosisto pripensadas, oni priparolas la aferon en la domoj kaj post duona jaro sepdekjara virino estas kondukata al la eŝafodo. —

Vi kredu ke dum la irado hejmen el la farmeto ŝajnis al ni, ke ni vidas fantomojn, malgraŭ tio, ke la steloj brilis kaj mi havis en la poŝo tranĉilon. La pinarboj fariĝis gigantoj, kiuj flustris minacojn al ni hominfanoj, kiuj timigitaj kuris preter ili, kaj la juniperoj ŝajne ekhavis vivon kaj piedojn rapidemajn. Kaj dum la tuta vojo kranio ruliĝis post ni. Ni bone aŭdis kiel la plumbobulo klakis en ĝi.

Jen! Nun mi estas libera de tiu historio.

Fine la neĝo estas falinta, neĝo, kiel en la vintroj de mia junaĝo. La skiojn mi prenas kaj veturas trans la montojn, preter postsignoj de vulpoj, leporoj kaj sciuroj. La tetroj flugas supren el la neĝamasoj. Mi aŭdas sonon de flugiloj el la densejoj, mil sonoj de la arbaro atingas miajn orelojn, sed baldaŭ ili ree silentas. Supre sur la montopinto mi rigardas norden trans la sunlumitaj insuletoj ĝis la blua, ondanta maro. Mia vido serĉas la sopiratan drivglacion, kiu baldaŭ venos el la Botnia maro, kunportanta fokojn kaj alian belan ĉasaĵon. Sed la maro estas blua en la nordo kaj ankoraŭ neniu glacio estas tie videbla. Mi rigardas suden, super kaj trans la arbaron, kaj min kaptas subita ĝojo pro tio, ke mi ekzistas; mi decidas rapidegi suden al la ebena tereno, ĝis mi pro ŝvito demetos la vestojn. La neĝo estas bonega, kaj mi veturas rapide kiel eble plej. Mi saltas trans la barilojn tiel kiel mi lernis de mia amiko B. L. antaŭ kelkaj jaroj. mi skias supren kaj malsupren de la montoj kaj subite mi atingas la grandan ŝoseon, havante la dikan lano-kamizolon kaj la ĉemizon enmetitaj sub la zono. Mi estas preskaŭ nuda kaj la preterveturantoj rigardegas al mi kiel al frenezulo: »Jen, nun ankaŭ li perdis la prudenton!«

Kaj kiam mi ŝvita kaj vaporanta kiel lokomotivo alvenas mian korton, tiam mi havas la senton esti dudek jarojn pli juna.

Postsigno de skioj apartenas al bela vidaĵo de neĝo. Estas kvazaŭ bela rakonto, kvazaŭ fabelo.

Tradukinto: *Otto Jönsson.*



Sergel *Mars kaj Venus*

# La kiso

— *Hjalmar Söderberg* —

Estis iam juna fraŭlino kaj tre juna fraŭlo. Ili sidis sur ŝtono ĉe promontoro, kiu pintiĝis en la maron, kaj la ondoj plaŭdis ĝis iliaj piedoj. Ili sidis silente, ĉiu en sia meditado kaj vidis la sunon subiri.

Li pensis, ke li volonte kisus ŝin. Dum li rigardis ŝian buŝon, al li ŝajnis, ke ĝi estas kvazaŭ destinita ĝuste por tiu celo. Certe li vidis pli belajn knabinojn ol ŝin, kaj, vere, li amis alian, sed tiun li certe neniam povos kisi, ĉar tiu estis idealo kaj stelo, kaj »die Sterne, die begehrt man nicht«.

Ŝi pensis, ke ŝi tre volonte estus kisata de li, por havi okazon vere koleriĝi kaj montri, kiel profunde ŝi lin malestimas. Ŝi ekstarus kaj, ĵetante al li rigardon plenegan de glacie malvarma moko, ŝi irus sian vojon, fiere kaj trankvile kaj sen nenecesa rapideco. Sed, por ke li ne povu diveni, kion ŝi pensas, ŝi diris mallaŭte kaj kviete:

— Ĉu vi kredas la postmortan vivon?

Li pensis, ke li pli facile povus ŝin kisi, se li respondus jes. Sed li ne bone memoris, kion li diris ĉe aliaj okazoj pri tiu ĉi temo, kaj li timis kontraŭdiri sin mem. Tial li rigardis profunde en ŝiajn okulojn kaj respondis:

— Ekzistas momentoj, kiam mi kredas.

Tiu respondo treege plaĉis al ŝi, kaj ŝi pensis: Mi tamen ŝatas liajn harojn kaj ankaŭ lian frunton. Domaĝe estas nur, ke lia nazo estas tiel malbela kaj krome li ja ne havas pozicion — nur studento lernanta por prepara ekzameno. Li ne estus tia fianĉo, per kiu oni povus inciti la envion de la amikinoj.

Li pensis: Nun mi certe povos ŝin kisi. Sed li tamen treege timis; li neniam antaŭe kisis bonfamilian junulinon kaj li demandis sin, ĉu tio ne povus iĝi danĝera. Ŝia paĉjo kuŝis dormante en hamako proksima al ili, kaj li estis la estro de l' urbo.

Ŝi pensis: Eble eĉ pli bone, se mi donos al li vangofrapon, kiam li kisos min.

Kaj ŝi ree pensis: Kial li ne kisas min, ĉu mi estas tiel malbela kaj malĉarma?

Kaj ŝi klinis sin antaŭen super la akvon por sin speguli, sed ŝia bildo rompiĝis en la plaŭdado de la ondetoj.

Ŝi pensis plue: Mi demandas min, kia sento povas esti, kiam li kisas min. Efektive ŝi estis kisita nur unu fojon, de leŭtenanto post balo en la urba hotelo. Sed li tiel fiodoris de punĉo kaj cigaroj, ke ŝian ambicion ja flatis, ke li kisis ŝin, ĉar li tamen estis ja leŭtenanto, sed cetere ŝi ne opiniis tiun kison tre valora. Cetere, ŝi malamis lin pro tio, ke li poste ne svatis pri ŝi, eĉ, tute ne turnis plu sian atenton al ŝi.

Dum ili tiel sidis, ĉiu en sia meditado, la suno subiris kaj venis la krepusko.

Kaj li pensis: Ĉar ŝi ankoraŭ sidas ĉe mia flanko, malgraŭ ke la suno foriĝis kaj la tago krepuskiĝis, ja povas esti, ke ŝi ne tre kontraŭas, ke mi kisu ŝin.

Kaj malrapide li metis la brakon ĉirkaŭ ŝian kolon.

Tion ŝi tute ne antaŭvidis. Ŝi imagis, ke li kisos ŝin senceremonie kaj tiam ŝi donos al li vangofrapon kaj foriros kiel princino. Nun ŝi ne sciis kion fari; ŝi volis ja koleriĝi, sed ŝi ankaŭ ne volis perdi la kison. Tiel ŝi sidis tute senmove.

Tiam li kisis ŝin.

Tio estis multe pli stranga sento ol ŝi antaŭe imagis; ŝi sentis, ke ŝi paliĝas kaj senfortiĝas, kaj ŝi tute forgesis, ke ŝi devus doni al li vangofrapon kaj ke li estas nur studento lernanta por prepara ekzameno.

Sed li pensis pri loko en libro de religia kuracisto pri la »Genealogio de l' virino«, kie estis skribite: »Oni gardu sin, ke la geedza ĉirkaŭbrakado ne venu sub la regadon de l' volupto.« Kaj li pensis, ke devas esti tre malfacile gardi sin kontraŭ tio, se jam kiso povas tiom efiki.

Kiam la luno aperis, ili ankoraŭ restis sidantaj kaj kisadis.

Ŝi flustris en lian orelon:

— Mi amis vin jam de la unua momento, kiam mi ekvidis vin.

Kaj li respondis:

— Por mi neniam ekzistis iu alia ol vi.

El la sveda: *Arvid Agren.*

---

## Serenado

— *E. A. Karlfeldt* —

Flugas folioj kaj pingloj de pin'
super via kabantegmento,
dormu sur pajlo, ho vi karulin'.
kun ĝojo kaj paca ĝusento,
sonĝu tre dolĉe pri ludo, somer',
dum bruas ventegaj krakoj;
sonĝu ke sur betulboska la ter'
vi dormas en miaj brakoj.

Kiam la vintro en blanka kostum'
ĉe via fenestro ekstaras,
sonĝon eksonĝu pri varmo kaj lum',
la sonĝo vin varma nun faras.
Sonĝu tre dolĉe pri ludo, somer',
dum bruos ventegaj krakoj,
sonĝu, ke sur betulboska la ter'
vi dormas en miaj brakoj.

*V. Thilander.*

## Ventega nokto

— *E. A. Karlfeldt*

Nokto malhela la montojn surkuŝas
kiel korvo kovanta la ovojn en nest'.
Hurla ventego la domojn viptuŝas,
fajfas kaj puŝas,
kaj vagas ĉe l' domoj sovaĝa la best'.

Blekas obtuze grandega la bovo
skuante la nukon kun ĉeno kaj ring',
kaptas la ŝafojn terura tremmovo,
forta ventblovo
likenon forbatas de l' pinoj per sving'.

Ve, la noktmeza inkubo nin draŝas,
forte per brakoj kun prema kruel'.
Lup' torĉokula ĉi tie vagaĉas,
ne plu sin kaŝas
sed svarmas surkorte gnomar' de l' fabel'.

Lum' el fenestroj de l' domo ne brilas,
sed kuris de l' mastro la dormo jam for.
Kiel arbo en vent' la anim' maltrankvilas,
al ŝafo similas,
sed orfa kaj sola kun ve' de l' memor'.

*Gust. Johansson.*

# Funebro
## Provinca rakonto
**— Ernst Ahlgren —**

Estas simpla ĉambro. En la lito kuŝas la edzino senmova. La manoj estas kunmetitaj sur la brusto. Ŝia vizaĝo estas regula, sed nun kovrita de la pala, terura koloro de la morto. Ŝi ĉiam estis bona edzino, laborema, amika kaj ŝparema, kaj li ĉiam estis tre kontenta pri ŝi. Ili kunvivis en reciproka kompreno kaj en plena konsento. Je la edziĝo ili ne havis aliajn vivrimedojn ol sian laborkapablon. Ili fariĝis seninfanaj, kaj tio kontentigis lin, ĉar dank' al tio la elspezoj malgrandiĝis iomete. Sed ho ve, nun ŝi jam estas mortinta. Sur la fenestraj bretoj staras multaj belaj florkreskaĵoj, multe pli belaj ol oni ĝenerale trovas en tiaj kamparaj dometoj, kaj ili, branĉeto apud branĉeto, etendiĝas al la fenestraj vitroj — al la lumo. Ŝiaj plantoj ĉiam portis belajn burĝonojn kaj florojn.

Nun li staras nudkapa antaŭ ŝi ĉe la lito, rigardante la mortintan edzinon. Certe la unuan fojon li nun staras nudkapa en sia propra hejmo; tamen li nun faras tion. Liaj mallongaj haroj estas ruĝaj kaj ili similas haregojn ĉirkaŭ lia kapo. Ankaŭ la barbo estas tute ruĝa kaj iomete hirta. Lia vizaĝo estas griza kaj malpura, kaj la supra lipo havas dikan strion de flartabako, sed tio ne ĝenas lin, ĉar li de tempo al tempo enŝovas pli kaj pli da tia »bongustaĵo« sub la supran lipon. Li ja ne povas vivi sen flartabako, tiu por ĉiam fariĝis lia sola konsolo. Dank' al la peza laboro kaj nesufiĉa zorgado de la manoj, ili rigidiĝis kiel ungegoj. La ĉemizo estas malpura, kaj la piedoj en siaj grizflavaj lanaj ŝtrumpoj ŝajnas kvazaŭ pligrandigitaj en la senformaj lignaj ŝuoj, kaj ne malpli pro tio, ke la eluzita pantalono tromallongiĝis, tiel ke ĝi eĉ ne kovris la maleolojn. Li rapide palpebrumas per siaj preskaŭ ruĝeflavaj okuloj.

Ĉu ili amis unu la alian? Pri tio oni ne scias. Kredeble estas, ke kaj ŝi kaj li neniam meditis pri tia por ili negrava afero.

Do jes, nun ŝi estas mortinta, kaj li rapide devas iri al la pastro. Li deprenas la lignajn ŝuojn, surmetas la botojn, kaj sur la griza veŝto kaj blustria trikita ĉemizo, li surprenas la grizan jakon; poste li metas la eluzitan ĉapon sur la kapon kaj eliras...

Eble vi kredas, ke li estas malriĉa. Ho ne! Li komencis kiel simpla ĉarpentisto, kaj iom post iom li fariĝis propra mastro, konstruante domojn por la najbaroj, kaj fine li ankaŭ konstruis sian propran. Jes, nun li estas riĉa, riĉa almenaŭ laŭ siaj vivkutimoj, sed kiel persono li restas tute neŝanĝita. Estas eble ke li iomete obstiniĝis kaj fariĝis pli kaj pli malpura, kaj ke la bruna strio sur la lipoj pli kaj pli dikiĝis! Eble li ankaŭ pensis, ke li nun estas sia propra majstro, kiu povas fari precize kiel li volas!

Li venas al la pastro, salutante »bonan tagon« per sia raŭka nazosona voĉo.

La pastro, kiu, laŭ kutimo tiatempe, pretigas la predikotekston, ĉar estas vendredo, ekrigardas la enirinton, kaj post momento li ankaŭ salutas »bonan tagon«, aldirante, »ĉu estas vi, Per Hansson, kiu vizitas min hodiaŭ?«

»Jees,« respondas Per Hansson per mallaŭta voĉo, malrapide deprenante la ĉapon. Post momento li daŭrigas balbutante: »Mi volus paroli kun la pastro pri ia afero.« Li ŝajnas iomete nervoza kaj fremda antaŭ la pastro, ne bone sciante, kiel li metu la vortojn...

»Sidiĝu,« invitas la pastro, kaj por kuraĝigi la nervozan viron, li daŭrigas:

»Kiel fartas via edzino?«

»Ne bone, pastro«, flustras Per Hansson, gratante siajn ruĝajn harojn, ankoraŭ havante la ĉapon en la mano. Li balbutas: »Mi nun estas ĉe la pastro, por diri, ke mia edzino mortis je la kvina hodiaŭ matene.«

»Jees, ŝi nun estas mortinta« li ekĝemas...

»Mortinta« ripetas la pastro tre surprizite, rigardante la raportanton en lia malpura, griza jako, kaj daŭrigas malrapide: »Mi ĝis nun ne aŭdis, ke ŝi estis malsana.«

»Ne, ŝi malsaniĝis antaŭ tri tagoj, sed ŝi tamen dum la lastaj du jaroj estis en pli malpli bona stato«.

»Kia malsano?«

»Ho estis tre kvieta malsano.«

»Ne miskomprenu, mi demandis kie ŝi estis malsana?«

»Hm. En la brusto, jes, en la brusto.«

»Ĉu vi venigis la kuraciston?«

»Jees, hieraŭ, sed tio ne helpis, ŝi pli kaj pli malfortiĝis.«

Nun estiĝis paŭzo. Per Hansson pli nervoze palpadas sian ĉapon, verŝajne ne sciante, ĉu por li estus pli plaĉe resti aŭ foriri? Li estas tute fremda en tiaj aferoj.

Ankaŭ la pastro sentas sin iomete embarasita. Li ja pensas, kian konsolon li devus doni al tiaspeca strangulo, ĉar li jam konstatis, ke la kutime uzata konsolformulo estus tute sentaŭga. Sed trovi alian ne estas facile.

»Ĉu vi volus havi glason da biero, Per Hansson?« demandas la pastro por ĉesigi la longan paŭzon, dum kiu oni aŭdas nur la pezan spiradon de la vidvo.

»Dankon«, diras Per Hansson, malrapide en sia larĝa provinca dialekto. »Povas esti bonguste trinki por estingi la funebron«.

Eltrinkinte unu glason, li dankas la pastron per rigida kaj mallerta kapklino.

Unu horon poste, kiam la pastro preterpasis la dometon de Per Hansson, li vidis, ke en siaj malpuraj laborvestoj li trairas la korton, de la brulolignejo al la loĝejo, kaj en la mano li portas bastoneton, per kiu li nun mezuros la longecon por la ĉerko.

El la sveda: *Knut Jensie*

---

### *Pri ferkarba gemo*
***— Tor Hedberg —***

Folikron' ĝi estis,
branĉoj, trunko, flor',
de l' pasintaj tempoj
riĉo kaj odor'.

Kaj profunde, sube
multmiljara pac',
dum la viv' batalis
sur la ter-surfac'.

Jen en viaj haroj
ĝi kun nigra bril':
portas kiel gemon
vi printempojn mil.

*Magda Carlsson*

# *Provizejestrino Gunnel*

## *(El „Karolinerna".)*

**— *Verner von Heidenstam* —**

En volbĉambro de la fortikaĵo en Riga sidis la 80-jara provizejestrino Gunnel kaj ŝpinis. Ŝiaj longaj brakoj estis vejnaj kaj tendenaj, la brusto malgrasa kaj plata kiel tiu de maljunulo. Kelkaj maldensaj, blankaj harvilaĵoj pendis malsupren trans la okulojn kaj ŝi havis la kaptukon nodita ĉirkaŭ la kapo kiel rondan ĉapon.

La radŝpinilo zumis kaj trumpetista knabo kuŝis sur la ŝtonplanko antaŭ la fajro.

— Avino, li diris, ĉu vi ne povus ion kanti, dum vi ŝpinas? Mi neniam aŭdis de vi ion krom grumblado kaj kverelo.

Dum eta momento ŝi turnis siajn lacajn kaj malice malvarmajn okulojn al li.

— Kanti? Ĉu eble pri via patrino, kiun oni sidigis en veturilon kaj portis al la moskovitoj.* Aŭ pri via patro, kiun ili pendigis en la kamentubo de la biere|o?** Mi volus malbeni tiun nokton, kiam mi naskiĝis kaj malbeni min mem kaj ĉiun homon, kiun mi renkontis. Nomu al mi unu solan, kiu ne estas eĉ pli malbona ol sia famo!

— Se vi kantos iom, vi gajiĝos, avino, kaj mi tiom volus vidi vin gaja ĉi tiun vesperon.

— Tiu, kiun vi vidas ludi aŭ ridi, estas nur majstro en hipokritado. Mizero kaj honto estas ĉio, kaj estas pro niaj pekoj kaj malnobleco, ke la saksoj nun venis kaj sieĝis la urbon. Ĉu vi aŭdas la pafadon? Ili nur pafu kaj tondru! Kial vi ne iras ĉi-vespere, kiel kutime, por fari vian servon sur la remparo, sed tie ĉi vi kuŝas mallaboreme?

— Avinjo, ĉu vi ne povas diri al mi unu solan mildan vorton antaŭ ol mi iros?

— Mi batpunus vin, se mi ne estus tiom kaduka kaj kurbigita de la jaroj, ke mi neniam plu povas levi mian vizaĝon al la ĉielo. Ĉu vi volas ke mi aŭguru al vi? Ĉu oni ne nomas min Sibylla? Ĉu mi diru al vi, ke la oblikva linio super viaj okulbrovoj signifas rapidan morton? Mi vidas jarojn antaŭen en la estontecon, sed kiom ajn longe mi vidas, mi trovas nur malicon kaj malnoblajn intencojn. Vi estas pli malbona ol mi, kaj mi estas pli malbona ol mia patrino, kaj ĉio, kio naskiĝas, estas pli malbona ol tio, kio mortas.

Li leviĝis de la ŝtonplanko kaj ekmovis la brulaĵon.

— Mi diros al vi, avinjo, kial mi sidiĝis apud vi hodiaŭ vespere kaj kial mi petis vin pri kora vorto. La maljuna ĉefguberniestro hodiaŭ ordonis, ke antaŭ la proksima nokto ĉiuj virinoj, junaj kaj aĝaj, sanaj kaj malsanaj, devas foriri por ne formanĝi la panon de la viroj. La obstinulojn oni punos per morto. Kiel povos vi, kiu neniam iris pli longe ol trans la fortikaĵan korton al la provizejo, nun iradi tra arbaroj kaj kampoj meze de l' vintra frosto?

Ŝi ridis kaj piede movadis la radŝpinilon ĉiam pli kaj pli rapide.

— Haha! Mi atendis ĉi tion, ĉar mi tiom fidele prizorgis la provizejon de la alta sinjoro kaj gardis ĉion, kio apartenis al li. Kaj vi, Jan! Ĉu vi ne timas, ke vi ne plu havos iun, kiu rostos por vi en la bakforno kaj pretigos vian kuŝejon? Kiu alia sento loĝas en la infanoj? Estu laŭdata Dio, kiu fine ĵetas nin ĉiujn sub la skurĝon de sia kolero!

Jan kunplektis la manojn ĉirkaŭ siaj krispaj brunaj haroj.

— Avino, avino!

— For, mi diras al vi, kaj lasu min en paco sidi kaj ŝpini mian stupon, ĝis kiam mi mem malfermos la pordon kaj eliros por liberiĝi de ĉi tera vivo!

Li faris kelkajn paŝojn antaŭen al la ŝpinilo, sed poste turnis sin kaj eliris el la volbĉambro.

La radŝpinilo zumis kaj zumis, ĝis la fajro estingiĝis. La postan matenon, kiam trumpetisto Jan revenis, la volbĉambro estis malplena.

La sieĝo estis longedaŭra kaj malfacila. Post farita diservo elmigris el la urbo ĉiuj virinoj dum la neĝaj tagoj de februaro, kaj la senfortaj aŭ malsanaj estis metitaj sur portlitojn kaj veturilojn. La tuta Riga fariĝis monaĥejo por viroj, kiuj nenion havis por doni al la aroj da almozpetantinoj, kiuj kelkiam kaŝe antaŭeniĝis ĝis la remparo. La viroj apenaŭ havis panon por sia propra nepra bezono kaj en la staloj la malsatiĝintaj ĉevaloj disŝiris unu la alian aŭ formanĝis la manĝujon kaj dentskrapis grandajn truojn en la trabmuroj. La fumo pendis super la bruligitaj antaŭ-

*) »Moskovitoj« t. e. rusoj.
**) »Bierejo« dum malnovaj tempoj oni faris hejme bieron en tiu ĉambro, nuntempe oni lavas tolaĵon samloke.



Josephson *Hispanaj forĝistoj*

urboj, kaj nokte la soldatoj ofte vekiĝis pro avertaj sonorilbatoj kaj tiris la spadon el la plafono.

Kiam trumpetisto Jan vespere revenis al la volbejo, kiun li kaj la avino uzis kiel sian ĉambron, li tamen preskaŭ ĉiam trovis arangita sian benkliton kaj ujon da ŝima manĝaĵo sur la seĝo. Li hontis rakonti pri tio al la aliaj, sed li ektimis. Li kredis, ke la avino pereis en la neĝamasoj kaj ke ŝi, pentoplena pro sia iama malmolkoreco, nun fantome revenadas sen trankvilo. Li frostotremis pro timo kaj prefere dormis plurajn noktojn malsata en la neĝo sur la remparo. Fortiginte sin per preĝo, li tamen pli trankviliĝis, kaj fine li eĉ sentis miron kaj timeton, kiam li kelkfoje trovis la benkliton netuŝita kaj la seĝon malplena. Tiam li kutime sidiĝis ĉe la ŝpinilo kaj piedmovis ĝin tute malrapide kaj aŭskultis la bone konatan zumadon, kiun li aŭdis tagon post tago de sia naskiĝo.

Nun okazis iun matenon, ke la ĉefguberniestro, la honorinda, sepdekkvinjara Erik Dahlberg, aŭdis fortan pafadon. Senpacience kaj kolere li leviĝis de siaj desegnaĵoj kaj konstrumodeloj el vakso. Kiel memoraĵoj de junaĝaj lumaj vagadoj en la regnoj de beleco, pendis sur la muroj gravuraĵoj pri la romaj ruinoj, sed lia iam tiom milda vizaĝo faldiĝis pro melankolio kaj rigidiĝis trajto de severeco ĉirkaŭ la mallarĝaj, kunpremitaj, preskaŭ blankaj lipoj. Li formovetis sian grandan allonge-perukon kaj per ungo de tremanta mano li glite tuŝis siajn maldensajn lipharojn kaj kiam li malsupreniris laŭ la ŝtuparo, per sia bastono li forte albatis la ŝtonojn kaj suspiris:

— Ho, ni svedoj, ni sangparencoj al la Vasareĝoj, kiuj dum sia maljunaĝo povis nur akuzi kaj riproĉi, kaj fine sidadis timante mallumon en siaj propraj ĉambroj . . . ni posedas en nia animo nigran semon, el kiu laŭ la paso de la jaroj leviĝas branĉoriĉa arbo, plena de plej amaraj gal-pomoj!

---

## Nigra Rudolfo

— E. A. Karlfeldt —

Jen vidu Rudolfon la nigran,
li dancas kun rida mien'.
Memoras li noktojn ĝojplenajn
en Amsterdama haven'.
Li revas pri brunaj knabinoj
ŝvebantaj belmove sur strand'
de grandebenaĵoj bluaj
sub luno de Samoa-land'.

Dum Roslaga valso flugmole
li dancas kun reva kapklin'.
li tenis de ĉilianin'
La brakon tiel ĉe-kole
Ĉe l' sono tambure-muzika
al dektrijara princin'
ĉe l' fajr' en vilaĝo afrika
vertkrispon li montris dum klin'.

Sur Malaga-bord' vinabunda'
de l' viroj jen dancmanier'.
Knabino en tim' ĝu-profunda
sorĉŝvebas pro dolĉa danĝer'.
Kaj, kiam li prenas kaj donas,
ŝi ridas en forta brakprem'.
Alanda mar' respondsonas
ventmuĝe al ŝia ekĝem'.

*Gust. Johansson*



Zorn *Memportreto kun modelo*

Li fariĝis despli amara kaj severa, jupli longe li iris, kaj kiam li fine staris ĉe la remparo, li alparolis neniun.

Kelkaj batalionoj alviciĝis kun standardoj kaj muziko, sed la pafado jam eksilentis, kaj tra la pordego revenis disaj aroj de laculoj kaj sangantoj, kiuj ĵus rebatis la atakon de la malamiko. Plej laste el ĉiuj iris maldika, senforta maljunulo, kiu mem havis ruĝan glavvundon sur la brusto, sed kiu en siaj brakoj pene trenis antaŭ si pafitan knabon.

Erik Dahlberg levis la manon super la okulbrovon por vidi. Ĉu la falinto estis trumpetisto Jan de la fortikaĵo? Li rekonis lin pri liaj krispaj, brunaj haroj.

Sub la pordega arkaĵo la senfortiĝinta portisto falis malsupren sur la ŝtonpalison, kie li restis sidanta kun la morta knabo sur siaj genuoj. Kelkaj soldatoj klinis sin malsupren por ekzameni la vundon kaj disŝiris la sangan ĉemizon sur la brusto.

— Kio! ili ekkriis kaj retiriĝis. Estas virino!

Mire ili klinis sin pli profunden, por rigardi ŝian vizaĝon. La kapo flankenfalis al la muro, kaj la peltĉapo deglitis, tiel ke la blankaj harhirtaĵoj fa'is antaŭen.

— Estas provizejestrino Gunnel, nia »Sibylla«!

Ŝi spiris peze kaj malfermis la estingiĝantajn okulojn.

— Mi ne volis lasi la knabeton sola en ĉi mondo de malico, sed ĉar mi surprenis viran veston, kaj nokte kaj tage deĵoris kiel la aliaj sur la remparo, mi kredis, ke mi ne manĝas maljuste la panon de la viroj.

La soldatoj kaj oficiroj hezite rigardis al Erik Dahlberg, kies ordonon ŝi malobeis. Li staris egale nealirebla kaj melankolie severa, kaj en lia mano tremis la bastono kaj puŝiĝis al la pavimo.

Malrapide li turnis sin al la batalono kaj la mallarĝaj lipoj ekmoviĝis.

— Mallevu la standardojn! li diris.

El la sveda: *Liz Tib Morariu.*

# La patriotoj

— A. Strindberg —

La ĉerizarboj floras, kaj la ezoko saltetas en la fragmitoj de la malgranda golfeto. La juna edzo sidas sur la perono de la kampula domo, kiun li luis por la somero. Liberiĝite de kolumo kaj manumoj, li preparas sian fiŝkanon, enspirante la freŝan majan aeron, miksatan kun la odoro de tabakpipo.

Lia juna edzino estas elpakanta la valizojn, kaj la infanoj ludas en la ĝardeno, kie tulipoj kaj narcisoj ĵus ekfloris.

»Estas belege esti en la kamparo, mi supozas!« la edzo ekdiras. »Kiel mi abomenas la urbon!« Kaj li montras al la fumplenaj vaporoj, kiuj ripozas ĉe la horizonto en la flanko, kie la urbo kuŝas tre malproksime.

»Kaj tuj kiam alvenis la aŭtuno, vi abomenas la kamparon kaj glorkantas al la urbo«, la edzino respondas.

»Vi volas diri, ke ĝi estas demando pri la temperaturo.«

»Jes, kial ne?«

Sed la infanoj venas kurante kaj krias plengorĝe: »La hirundoj, la hirundoj, tie ili venas!«

Kaj la aero resonas per la pepoj de la migrobirdoj, kiuj venas por ririgardi siajn nestojn el la pasinta jaro, mastike fiksitajn sub la tegmentrando de la dometo.

»La hirundoj ja alportas kun si feliĉon al la domo, ĉu ne, panjo?« la etulino demandas.

»Jes, infano mia«, la patrino respondas. »Kaj tial oni devas ne tuŝi iliajn nestojn. Tion bone memoru, infano, kaj rimarku, kiom ili amas sian landon. Ili ĉiam revenas...«

»Al sia unua amo«, la edzo kompletigas. »Kaj ili formigras aŭtune, tute same kiel mi!«

La hirundoj, kiuj sidis sur la telegrafa fadeno, komencis iom interbabili.

»Ĉio estas la sama tie ĉi, escepte tion, ke la viro tie iom maljuniĝis.«

»La vintro devas esti malmilda en ĉi tiu fremda lando.«

»Ho jes, pri tiu vintro la paseroj povas rakonti diversajn terurajn aferojn.«

»Tiurilate nia Sudo estas pli bona; se la malriĉaj felahoj ne elmetus retojn al ni por festeni pri niaj korpoj rostitaj.«

»Estas malbona religio la egipta, kiu permesas al la landanoj la manĝadon de hirundoj. Tiurilate la religio de la Nordo estas pli bona.«

»Sufiĉe bona lando por somera restadejo estas ĉi norda lando, sed la patrujo malgraŭ ĉio havas ĉiam antaŭecon.«

»Sed estas ĉiaokaze pena faro plenumi tiun ĉi edziĝan vojaĝon ĉiujare.«

»Tio estis la modo dum multaj jarcentoj, tiel ke la Nordo fariĝis nia akuŝejo.«

»Oni kredigas, ke la popoloj de la Nordo direktas sian edziĝan vojaĝon al nia lando.«

»Tiel estas: oni reciprokas la viziton.«

* * *

La dua daktilrikolto estas finita, la aŭtunaj pluvoj reverdigis la herbejojn. Nilo altiĝas, kaj la kuloj komencas demeti ovojn en la akvoherbejo de la sankta rivero.

La malriĉa felaho kuŝas ekster sia domaĉo, varmigante sian kurbigitan dorson en la sunbrilo. La edzino estas okupata pri muelado de milio per manmuelilo. La malsategaj infanaĉoj sin amuzas, ĵetante ŝlimon unuj en la brunajn vizaĝojn de la aliaj.

»Neniam fiŝo, neniam birdaĵo; nur milio!« la felaho ĝemetas, kaŝrigardante la edzinon.

»Vi ripozas tie mallaborante, kvankam la hirundoj revenis«, la edzino flegme respondas.

»La hirundoj? Pri kio vi balbutas?«

»Jes ja! Mi vidis ilin hodiaŭ matene, kiel ili ĉasas laŭlonge de la riverrando.«

»Nun, je mia animo, ni manĝos rostaĵon. Rapide la retojn! Alah estu glorata! Ha, la karaj birdoj, kiuj ne forgesas sian patrujon.«

La hirundoj sidas sur la fragmiteroj, pepante:

»Tre bela patrujo, kie oni manĝas hirundojn!«

»Jes, sed la suno brilas, la muŝoj estas bonaj, la lando estas bona!«

»Tiun sezonon, jes. Ĉio estas bona en nia lando, krom la birdoretoj. Kaj ĉiaokaze ĝi estas nia lando.«

»Nia dua patrolando. UBI BENE, IBI PATRIA. Kie oni bone manĝas, tie estas la patrujo.«

El la sveda: *Sam Owen Jansson.*

---

## Elekto — Aflikto

— Gustaf Fröding —

Maljunulo kaj vidvo li estas kaj kurba,
la servistojn li premas. Li knaras, avaras;
se mi iĝus la lia, mi estus ja turba
Kaj fi, avarulo. Kaj fi — vi senharas...
Kaj infanojn li havas, ho ve!
Edziniĝi al li? Tute ne.

Sed se tamen mi pensas pri korto kaj greno,
pri la porkoj dikventraj, plenmamaj bovinoj,
kaj pensas pri ĉiuj penego, ĉagreno,
kiujn havas pro vestoj kaj ŝuoj virinoj —
mi cerbumas en mia mizer':
pripensinda, ĉi tiu afer'.

Al alia, tre vere, mi iam promesis
iĝi lia, tuj kiam li venos de l' maro.
Ho, rektdorsa li estis, ĉar riĉo ne pezis,
kia juno floranta, kia bukla hararo...
Mi lin amus per tuta anim',
se mi havus lin en la proksim'.

Sed ne povas mi tamen ne iom pripensi
la kaldronojn brilantajn, el kupra metalo
— ĉu toleri viraĉon, pri li pacienci?
Tre kaduka li estas: vidvina vualo...
Jes, pri tiom rezigni ja estus domaĝ',
vera peko, ridinda malsaĝ'.

Sed pli granda la peko, min trompe fortiri
de amato fidanta, al kiu mi jesis,
kvazaŭ ŝtofon tre molan kaj karan disŝiri.
Mia kapo turniĝas, haltante forgesis
mia kor' sian devon pro li,
kaj plorige nun estas al mi...

Hm, ĉi tiu kurbulo kun siaj teleroj.
Litkusenoj nubŝvelas, plenplenas la ŝrankoj.
Ŝatas ludi la pens' per arĝentaj kuleroj,
per bovinoj kaj porkoj kaj mono en bankoj.
Hm, mi kredas ke jes... Ho, mi kredas ke jes,
eĉ se estus infanoj dekses.

Trad. *Magda Carlsson.*

# Hök Mats Eriksson

**— El Jerusalem de Selma Lagerlöf —**

Estas bela tago en la printempo. Kamparano kaj lia filo iras sur la vojo al la granda uzino en la suda parto de la paroĥo.

Ili loĝas malproksime en la nordo, kaj sekve ili devas trairi preskaŭ la tutan paroĥon. Ili preteriras ĉiujn novsemitajn kampojn, kiuj nun komencas kovriĝi per verdaĵo. Ili vidas la sukplene verdajn sekalkampojn, la belajn herbokampojn, kie la trifolio baldaŭ ruĝiĝos kaj odoros.

Ili preteriras ankaŭ multajn domojn, kiujn oni pentras, kaj al kiuj oni aldonas novajn fenestrojn kaj vitroverandojn. Ili preteriras ĝardenojn, kie oni fosas kaj plantas. Ĉiuj homoj, kiujn ili renkontas, venas kun argilo sur la ŝuoj kaj tero sur la manoj, ĉar ili iris sur kampoj aŭ brasikejoj, kie ili plantis terpomojn kaj brasikojn aŭ semis rapojn kaj karotojn.

La kamparano ne povas kontraŭstari sian emon ekhalti kaj demandi, kiuspecajn terpomojn ili plantas aŭ kiom da tempo pasis post la avensemado. Kiam li vidas bovidon aŭ ĉevalidon, li tuj ekdeziras koni, kiom aĝa ĝi estas. Li prikalkulas, kiom da bovinoj ili havos en tiun korton, kiun ili ĝuste preteriras, kaj pripensas, kiom valoros la ĉevalido, kiam ĝi estos edukita.

Fojon post fojo la filo provas deturni liajn pensojn de ĉio ĉi. »Mi pensas pri tio, ke vi kaj mi baldaŭ iros tra la valo en Saron kaj tra la dezerto en Judlando,« li diras.

La patro iom ridetas, kaj momente lia vizaĝo heliĝas. »Certe estos kare al ni,« li respondas, »iri en la piedaj postsignoj de nia kara Jesuo Kristo.«

Sed en la posta momento liaj pensoj okupiĝas per ŝarĝo de kaŭstika kalko, kiu venas renkonte. »Ho, Gabrielo,« li diras. »Kiu povas esti, kiu aĉetas kalkon? Kion kredas vi? Oni diras, ke kreskas nekredeble per kalko. Estos vidinde aŭtune.«

»Aŭtune patro!« diras la filo riproĉe.

»Jes, mi scias«, respondas la kamparano, »ke aŭtune mi loĝos en la domoj de Jakobo kaj plantos en la vinberejo de la reĝa administranto.«

»Jes,« diras la filo, »estos tiel, amen, amen.«

Tempeton ili iras silente kaj rigardas la junan printempon. La akvo plaŭdegas en la defluejoj, kaj la vojo estas tre difektita de la printempa pluvo. Kien ajn oni rigardas, laboro estas necesa. Ĉiu homo ekdeziras partopreni kaj helpi, eĉ se li iras sur tero, kiu ne apartenas al li mem.

»Nu ja,« diras la kamparano pripense, »estas vere, ke mi deziras, ke mi estus vendinta mian bienon aŭtune, post finita laboro. Estas malfacile forlasi ĝin en la printempo, kiam oni deziras eklabori per ĉiuj fortoj.«

La filo nur skuas la ŝultrojn. Li komprenas, ke li ne povas haltigi la babiladon de la maljunulo.

»Pasis nun unu kaj tridek jaroj, post kiam mi kiel junulo aĉetis nekulturitan terpecon malproksime en la nordo,« daŭrigas la kamparano. »Fosilo neniam estis metita en la teron tie. Unu duono de la bieno estis marĉo, la alia duono ŝtonejo. Aspektis terure. En tiu ŝtonejo mi elfosis ŝtonojn, ĝis mia dorso preskaŭ rompiĝis. Kaj tamen, mi kredas, estis ankoraŭ pli malfacila laboro en la marĉo, dum mi drenadis kaj sekigis ĝin.«

»Jes, sufiĉe vi laboris, patro,« diras la filo. »Ĝuste pro tio Dio pensas pri vi kaj vokas vin al sia sankta lando.«

»Komence,« daŭrigas la kamparano, »mi loĝis en dometo, kiu ne estis multe pli komforta ol karbfarista kabano; ĝi estis konstruita el krudaj trunkoj, kaj sur la tegmento estis nur tero. Mi neniam sukcesis ŝtopi ĝin sufiĉe kaj la pluvo trapenetris. Estis tre malfacile, precipe dum la noktoj. Kaj la bovino kaj la ĉevalo ne loĝis pli komforte ol mi. La tutan unuan vintron ili staris en terdomaĉo, kie estis mallume kiel en kelo.«

»Patro,« demandas la filo, »kial vi tiel persiste tenas vin al loko, kie vi tiom penadis?«

»Sed pripensu,« respondas la patro, »kia ĝojo estis, kiam mi povis konstrui grandajn stalojn al la bestoj, kaj kiam la brutaro tiom pliiĝis, ke mi jaron post jaro devis pligrandigi la ejon. Se mi ne vendus la bienon nun, mi devus meti novan tegmenton sur la bovinejon. Estus konvene fari tion je tiu ĉi tempo, post kiam mi estus fininta la semadon.«

»Patro,« diras la filo, »vi rikoltos grenon en tiu lando, kie parto falas en dornaĵon, parto sur la rokaĵon, parto sur la vojon kaj parto en bonan teron.«

»Kaj la malnovan domon,« diras la patro, »kiun mi starigis post la unua kabano, mi intencis malkonstrui ĝuste tiun ĉi jaron por konstrui duetaĝan domon. Por kio mi nun uzos la trunkojn, kiujn ni ambaŭ alveturigis dum la vintro? Estis sufiĉe peza laboro altreni ilin. La ĉevaloj fartis malbone kaj same ni.«

La filo maltrankviliĝas. Ŝajnas al li, ke la patro kvazaŭ forgitas de li. Li timas, ke la maljunulo ne donacos en ĝustaj pensoj sian havon al Dio.

»Jes,« diras la filo, »sed kion valoras novaj domoj kaj staloj kompare al puranima vivado inter samepensuloj?«

»Haleluja,« respondas la patro, »mi scias, ke bela sorto apartenos al ni. Kaj nun mi ja iras al la uzino por vendi la bienon al la segeja societo. Kiam mi reiros, ĉio estos for, tiam mi posedos nenion.«

La filo ne respondas, sed li estas kontenta je la scio, ke la patro restas ĉe sia decido.

Post momento ili preterpasas korton, kiu kuŝas



Liljefors *Tetra ludo*

tre bele sur monteto. Estas blankpentrita domo kun balkono kaj verando, kaj ĉirkaŭ la domo staras altaj balzampoploj, kies belaj, grizblankaj trunkoj ŝvelas pro suko.

»Vidu,« diras la kamparano, »ĝuste tia estus mia korto. Ĝuste tia verando kun balkono super ĝi kaj multaj skulptaĵoj. Kaj ĝuste tia vasta verda loko antaŭe kun bela, densa herbaro. Ĉu ne estus bele, Gabrielo?«

La filo ne respondas kaj la kamparano komprenas, ke tiu temo tedas lin. Nun silentiĝas ankaŭ li, sed liaj pensoj restas ĉiam ĉe la hejmo. Li demandas sin, kiel fartos liaj ĉevaloj ĉe la nova posedanto, kiel statos la tuta bieno. »Ho,« li pensas, »certe mi agas malsaĝe, vendante al societo. Kompreneble oni nur forhakos la arbaron kaj tute ne prizorgos la bienon. La marĉo ree fariĝos marĉo, kaj la betularo invados la kampojn.«

Nun ili estas ĉe la uzino, kaj tie lia intereso estas ree vekita. Li vidas plugilojn kaj erpilojn de nova konstruo, kaj li tuj ekmemoras, kiel li deziris havigi al si falĉmaŝinon. Li rigardas Gabrielon, kiu estas bela knabo, kaj reve vidas lin sidi sur bela, ruĝa falĉmaŝino, klakante per la vipo al la ĉevaloj, dum li faligas la altajn herbojn, kiel forta heroo falĉas siajn malamikojn.

Kiam li envenas en la oficejon, ŝajnas al li, ke la tintado de la falĉmaŝino ankoraŭ resonas en liaj oreloj. Li aŭdas la molan falon de la herboj kaj la malfortan pepadon kaj zumadon de timigitaj birdoj kaj insektoj.

En la oficejo kuŝas jam la kontrakto, skribita kaj preta. Ĉiuj traktadoj estas jam faritaj, la prezo fiksita; restas nur la subskribo.

Oni laŭtlegas la kontrakton al li, kaj li sidas kaj aŭskultas. Li aŭdas, kiel oni citas kiom da hektaroj da arbaro, kampoj, kaj herbejoj, kiom da meblaro kaj brutaro li nun elmanigos. Liaj trajtoj malmoliĝas. »Ne,« li diras al si mem, »tio ne okazos.«

Kiam la legado estas finita, li volas diri, ke li ne povas. Tiam la filo klinas sin al li kaj flustras: »Patro, vi elektos min aŭ la bienon, ĉar mi forveturos kiel ajn vi agos.«

La penso pri la bieno tiom okupis la kamparanon, ke tute ne venis en lian kapon, ke la filo povus forveturi de li. Ah, tiel, la filo tamen forveturus. Li ne povas tute kompreni tion; se la filo restus hejme, li mem ne povus forveturi.

Sed estas ja klare, ke li devas sekvi sian filon.

Li iras al la pupitro, kie la kontrakto estas metita por subskribo. La uzinestro mem metas la plumon inter liajn fingrojn kaj montras al la papero. »Tie ĉi«, li diras, »skribu tie ĉi, Hök Mats Eriksson!«

Li prenas la plumon, kaj samtempe li klare memoras, kiel li antaŭ unu kaj tridek jaroj subskribis kontrakton, per kiu li aĉetis al si pecon da nekulturita sovaĝejo.

Li memoras, ke post la subskribo, li iris pririgardi sian posedaĵon. Tiam li diris al si mem: »Vidu, kion Dio donacis al vi. Tie ĉi vi havos laboron por tuta vivo.«

La uzinestro kredas, ke li hezitas pro nescio, kie li devas skribi sian nomon, kaj li montras denove: »Tie ĉi estas la loko. Skribu tie ĉi, Hök Mats Eriksson!«

Li komencas skribi. »Tion ĉi,« li pensas, »mi skribas pro mia kredo kaj por mia savo, pro miaj karaj amikoj, la Helgumanoj, pro nia kara kunvivo, por ke mi ne restu sola, kiam ĉiuj forveturos.« Kaj li skribas la unuan nomon.

»Tion ĉi,« li pensas plue, »mi skribas pro mia filo Gabrielo, por ke mi ne perdu tiom bonan kaj karan filon, pro ĉiuj fojoj, kiam li estis bona al sia maljuna patro, por montri al li, ke li tamen estas mia plej kara.« Kaj tiel ankaŭ la dua nomo estas skribita.

»Sed tion?« pensas li, kiam li ree komencas movi la plumon. »Kial mi skribas tion?« Kaj en la sama momento lia mano komencas moviĝi propramove, farante dikajn strekojn tien kaj reen sur la malŝatata papero.

»Nu, tion mi faras, ĉar mi estas maljuna homo, kiu povas plugi kaj semi nur tie, kie mi ĉiam penadis kaj laboradis.«

Hök Mats Eriksson aspektas tre ĝenita, kiam li turnas sin al la estro kaj montras la paperon al li.

»La estro devas pardoni. Estis ja mia decido vendi mian bienon, sed tio ne sukcesis.«

El la sveda: *Stefan Engholm.*

---

## Valso de Böljeby

**— E. A. Karlfeldt —**

Vent', vent' dumfluge vi
kantu, amik' de lukta bru',
kantu kun sibla kri',
flavas folioj bele.
Jen en malfrua sol'
pompas sub kverkoj aro plu,
restas en ludpetol',
batal' kaj danĝer' fidele.

Kor', kor' sub jaka drap'
batas kun streĉa energi',
firme sub vil' de l' kap'
logas okuloj hele.
Jen, de balkona bret'
ŝtele tra ŝirma ruĝfoli'
de knabinar' ridet'
flugas al viroj bele.

Tuj, tuj, sur kamp' ĉe l' kort'
vin en sekret' renkontos mi.
Kun uragana fort'
sopiras la kor' alcele.
Ĉu kun enkora flam'
iras en vent' malvarma vi?
Longe mi mutis jam,
ŝprucos la vort' ribele.

Sun', sun' en kverkoj nun
faru por balo torĉojn vi:
Ombras jam aŭtun',
rulas la ondoj pele.
Nin la printemp' ne plu
ravas per zuma melodi'.
Viv' en ventkirla bru'
dancas kun ni kruele.

*Gust. Johansson*



# OBSERVO

## PENTRO- KAJ SKULPTARTO EN SVEDLANDO

*Dro Axel Sjöblom.*

La nacio similas al homo. Ĝi devas atingi internan firmon por krei ion individuan kaj valoran. La historio de Svedlando estas plena de heroajoj dum la epoko de Gustav Vasa, sed tiutempe formiĝis la aspekto de la popolanimo kaj tiutempe komenciĝis la firmiĝo de la popolkaraktero. La XVII-a jarcento estas tiu epoko, kiam la sveda animo estas jam sufiĉe matura por esprimi sin per la instrumentoj de la arto. Pli frue, tiu ĉi animo estis elprovita: la provo estis la 3o-jara milito, kiam la sveda armeo atingas Mezeŭropon kaj la princaj ĉambroj en München kaj Prago malfermiĝas antaŭ la svedaj oficiroj. Eble ne estis tute kondamninde, ke ili ege sopiris hejmenporti la viditajn trezorojn kaj komencis revadi pri tio, ke ili konstruos al si kastelojn en Svedlando kaj la muroj estos ornamitaj per artaj verkoj. Tian revon realigis la marŝalo Karl Gustav Wrangel per la kastelo Skokloster apud la Melarlago. Eble li invitis la Hamburg-anon, *David Klöken*, kiu centojn de la samepokanoj eternigis per sia peniko. Tiu pentristo, kiu nobeligita ricevis la nomon *Ehrenstrahl* iĝis la patro de la sveda pentroarto. En liaj bildoj akcentiĝas la amo de la baroka tempo al pompo kaj emocioj, kies figuroj estas perukaj, pudritaj sinjoroj en riĉe ornamitaj vestoj, manteloj.

Nu, en tiuj bildoj ja ne la sveda animo serĉas esprimon. Ehrenstrahl ne estis svedo, sed li kreis skolon por junaj svedoj kaj edukis tutan generacion por kompreni la arton.

En 1697 la reĝa palaco neniiĝis per brulego. Karlo XI tiun tagon kuŝis sur »lit de parade« en la palaco, kaj lia ĉerko devis esti portata sur ŝtuparon, kiu estis plena de densa fumo. En la lasta minuto saviĝis la juna Karlo XII kun sia maljuna avino kaj siaj du fratinoj. Tiu ĉi fatala okazo signifas novan epokon en la historio de la sveda arto. *Johan Höckert* pripentris la incendion. La rekonstruado de la kastelo daŭris dum granda parto de la XVIII-a jarcento. Nur post la mezo de la jarcento la reĝa familio denove loĝis tie. La planojn pri la nova palaco verkis Nikodemus Tessin jun. Kiam la konstruado de la palaco jam tre malfacile alvenis ĝis la ekstera pretiĝo, oni komisiis por la interna ornamado francon, Guilleaume Taraval. Taraval bezonis helpon kaj tiun helpon li ricevis de siaj lernantoj, junaj svedaj artistoj. Lia artlernejo fariĝis poste la Reĝa Artakademio. — La reganta spirito, kio cetere estas tute natura afero, estis la franca arto, tamen ne tiel, ke la francaj artprincipoj estis tute sklave aplikitaj, ĉar oni ja ne povas tute malaperigi, forviŝi la nacian karakteron. La rezulto estis: sveda animo en franca vesto. Ni ne havas multe da loko, do ni ne intencas detale pritrakti la fundamentajn ideojn de tiu francdevena arto.

La granda pentraĵo en Nacia Muzeo (Stockholm), pentrita de Carl *Gustav Pilo*, pri la kronado de Gustavo III aspiras francan gracion. La pentristo re lernis en Parizo, sed li lernis la rokokoarton en Kopenhago kaj en Stokholmo, kaj lia arto montras interesan miksiĝon de la rokoko-arto, influita de la norda karaktero.

Sed nun ni turnu nian atenton al alia artisto, al *Alexander Roslin* kiu enpenetris — kiel eksterlandano nur povas enpenetri — en la spiriton kaj kolorlingvon de la franca rokoko. Li pasigis la pli grandan duonon de sia vivo en Parizo, kie li akiris tiel grandan famon, ke simile al la plej eminentaj francaj pentristoj, li ricevis la favoron loĝi en Louvre. La samepoka kritiko riproĉis lin, ĉar li ne povis doni animan esprimon al siaj portretoj, sed laŭdis lin pro la mirinde molaj ŝtofoj, veluro kaj silko, puntoj, kies prezento ĉe li estis perfekta. Tiu opinio pri la artisto aperas en ŝerca strofeto, kiu parolas jene, ne tute sen pikemo:

»Kies vizaĝo estas el satin',
Devas pentrita esti de Roslin.«

Koncerne la mankon de la anim-esprimoj, ni kuraĝas diri, ke la samepoka kritiko grave eraris, speciale rigardante la fakton, ke la tuta tiama pentraĵo profunde kaŝis ĉiun internan esprimon sub pudron kaj perukon. Roslin ja pentris ĉarman, vivan estaĵon vestitan en ruĝetan ŝtofon kaj molajn puntojn — la portreto de baronino Neubourg-Cromiére — unu el la majstroverkoj de la pentristo.

Do ni devas mencii la nomon de la skulptisto *Johan Tobias Sergel*. Ĝis li la skulptado en Svedlando ne estis grave reprezentita. Sergel finis siajn studojn en la ateliero, al kiu estis komisiita la konstruado de la kastelo kaj kies gvidanto estis la franco Larchevesque. Baldaŭ la granda talento de Sergel estas rimarkita kaj li povas daŭrigi siajn studojn en Romo kun ŝtata stipendio, Tie li renkontas tute alian ideon pri la arto, ol tiujn de Larchevesque, kaj plurajn monatojn li pasigas senokupe, deprimite kaj apatie, antaŭ ol la idealo de la novklasikismo povis nutri lian kreeman fantazion. Fine li, kun Canova kaj Thorwaldsen, iĝas unu el la gvidantoj de tiu tendenco. Ni citas lian faman *Amor kaj Psyche*, videblan en la stokholma Nacia Muzeo, kiu estas unu el la plej belaj skulptaĵoj de tiu epoko. Lia alia grandioza *Mars kaj Venus* jam antaŭsentigas al ni lian liberigemon de la klasikaj principoj kaj lia Faŭno, per kiu li gajnis novan premion de la artakademio en Parizo, sendube estas klasika verko, laŭ la temo, sed perceptita tute individue kaj realisme.

Iom post iom la novklasikismo malaperas en Svedujo, kaj la latenta forto, la sopiro al la naturo plenenergie aperas. Estas strange, ke la romantikismo, dum la unua duono de la XIX-a jarcento ne povis krei gravajn artistojn en Svedlando. Nur kiam la romantikismo ŝanĝiĝis en en patriotismon kaj tradiciemon, ni ricevas konsiderindan prezentanton de la nordaj mitoj en *Eskil Winge*. Tion pruvas du gigantaj tukoj en la muzea kupolsalono, imponaj verkoj, kun fortoplenaj formoj kaj kompozicio. (La batalo de Tor kontraŭ la gigantoj. Loke kaj Sigyn.)

En la jam menciita bildo de Höckert, la Incendio de la Palaco ne nur la okazaĵo estas la kreanta motivo, sed ankaŭ la arta signifo de la koloroj jam plene graviĝas. Tio estis ideo, kiun oni ne same priatentis en Düsseldorff, kiel en Parizo, kie Delacroix vekis admiron per siaj mirindaj kolorsimfonioj. Parizo kaj la koloroj de Delacroix nun iĝis la lingvo de la epoko kaj per tio komenciĝis ideoj en la pentroarto, kiuj evoluis kaj elformis la modernan pentroarton. »La morto de heroo« de Nils *Forsberg* estas estas impona rakonto, sed la rakonto estas eble malpli grava en la prezentado, ol la koloroj.

*Richard Berg* pentris grupportreton, nomitan »La artisto-ligo«, kie li mem sidas interparolante kun kelkaj gravaj samtempaj artistoj pri la graveco de la koloroj en la arto. Rigardante la bildon, oni devas rimarki, ke la ruĝa tablotuko prezentas amason da diversaj koloroj, kiujn antaŭe pentristo certe estus prezentinta nur per unu koloro. Tiu stilo tute renversis la principojn de la Artakademio pri la korekta desegnado kaj la proporcia aranĝo. Anstataŭe plenvaloriĝis la nuanctaksado de la koloroj kaj lumo.

Iomete sendependa de tiu grupo estas *Ernst Josephson*, kiu same sur la paletro trovis la pli gravan faktoron de la pentraĵo. Al li estas egale, ĉu li pentras homon, aŭ pejzaĝon. Mi bone ekkomprenas tion rigardante lian bonegan bildon pri hispanaj forĝistoj.

La plej famaj nomoj de la jarcentfino kaj komenco de la XX-a jarcento estas *Carl Larsson, Anders Zorn* kaj *Bruno Liljefors*. Tiuj tri estas laŭ sia karaktero la plej perfekte svedaj el ĉiuj ĝisnunaj svedaj artistoj. Kelkajn studjarojn ili pasigis en Parizo, sed ili ne iĝis sklavoj de la franca esprimmaniero. *Carl Larsson* pasigis longan tempon en Dalekarlio kaj li prenis de tie siajn temojn. Oni riproĉis al li, ke li kvazaŭ haltis en sia evoluo, sen serĉi novajn problemojn, sed tiu kritiko estas maljusta, ĉar li fortiĝis ĉiam pli kaj pli en sia plej forta kvalito, t. e. la arto de la desegnado. Tion li perfekte pruvas per siaj hejm-bildoj, eble eĉ pli multe per la murpentraĵoj de la Nacia Muzeo.

Ankaŭ *Anders Zorn* loĝis en Dalekarlio kaj prezentis la dalekarlojn tiamaniere, ke li famiĝis en la tuta mondo. Lia peniko laboras kun eksterordinara certo. Liaj linioj estas precize tie, kie ili devas esti kaj havas precize tiun forton kaj longon, kiun la esprimo de formo postulas.

*Liljefors* estas vera admiranto de la naturo. La vivo de la bestoj kaptas lin. Kun pafilo sur la ŝultro, li ofte forgesas pafi sur la kampo, aŭ en la arbaro, ĉar ekokupas lin la mirindaĵoj de la naturo. Plej bone oni povas studi liajn pentraĵojn en la Galerio de Thiel, sed ankaŭ la Nacia Muzeo posedas tre atentindajn verkojn, el kiuj la plej fama estas la »Hundo kaj vulpo.«

Notindaj skulptistoj estas el tiuj jardekoj *Christian Eriksson* kaj *Carl Eldh.*

*Carl Wilhelmsson* kreis propran stilon, kies esenco estas la lumrifraktiĝo sur la rokoj; lin allogas la akcidentsvedaj pejzaĝoj kaj la vivo de la fiŝkaptistoj. Liaj »Fiŝkaptistinoj survoje« al la preĝejo kaj »Preĝejvizitantoj en Fiskebäckskil« estas eble la plej svedaj produktaĵoj de nia arto.

Priskribi la gvidajn ideojn de la moderna arto, kondukus nin tro malproksimen. La muzike prezentanta potenco de la linioj, formoj kaj kolornuancoj estas tiu fundamento, sur kiu la moderna artisto konstruas. Se la artisto povas harmoniigi tiujn esprimmanierojn, tiam li sukcesas. Inter la plej rimarkindaj svedaj modernaj pentristoj ni menciu *Isac Grünewald, Leander Engström, Otte Sköld, Birger Simonsson* kaj *Hilding Linnquist*, inter la skulptistoj ni ne rajtas forgesi la nomon de *Carl Milles, Nils Sjögren, Ivar Johansson, John Lundquist, Eric Grate* kaj *Bror Hjorth.*

El la sveda: *Alhild Svedmark* kaj *Margit Gustafsson.*

## MARTA MEMORO

*(Vizito ĉe Selma Lagerlöf)*

Malgranda karavano pilgrimas al la stokholma loĝejo de la 75-jara sveda verkistino, Selma Lagerlöf; tre internacia karavano: la ekstere kaj interne impona sveda Rektoro, s-ro Jansson; la brunhaŭta kaj milda vojaĝanto de la Nordo, s-ano Sinha el Hindujo kaj du hungaroj. Ni pilgrimas tute moderne — per aŭtomobilo, sed antaŭ la loĝejo de la verkistino ni demetas la sandalojn de nia animo...

Nun ni alvenis, la ĉambristino riverencas kaj post momento ni staras antaŭ ĉarma, molmana, etfigura sinjorino, kies vizaĝo estas opale diafana. Ŝi estas lama, iom malfacilete venas al ni kaj ŝian mildan vizaĝon petola, preskaŭ ruzeta rideto serenigas. Kaj tiam ĉio ekridetas. Ridas la suno, brilanta ĝi kuras tra la ĉambro, sur la blankaj mebloj; printempo, juneco ridetas de la floroj kaj la plej juna, eble pli juna, ol la printempo, ol la rejuniĝinta suno, ol nia knaba humoro, estas tiu ĉi knabina, ĉarma maljunulino, el kies perfekte 75-jara vizaĝo ekbrilas kun juneca vigleco la malgrandaj, esploremaj okuloj.

Dum la komenco de nia kunesto, mi iom pensadas pri tiuj ĉi sepdekkvin jaroj. Mi vidas antaŭ mi la ĉarman svedan montetaron, el kies malhela verdo kun kora varmo salutas al mi la plej trankvila ruĝo, la purpuro de la svedaj lignodomoj. Mi vidas antaŭ mi la Morbaka-an farmeton kaj la medion antaŭ sepdek jaroj. En Svedlando, kie ankoraŭ regadas la tradicioj, tiu ĉi vojaĝo al la estinto estas tute facila afero. Mi vidas antaŭ mi la subtilan, malsaneman knabineton, kiu nun rekolektas sian forton post grava malsano, kaj revante sidas apud la fabelema avino kaj nekonscie kolektadas en si la mielon de fabeloj kaj historioj. Post multaj fabeloj sekvas Stockholm; la instruista diplomo. La maljuna Lagerlöf mortis kaj la praa bieneto transiĝas al fremduloj; la mirakloj, sekretoj, sonĝoj pereas sub la senindulgaj plandoj de la fremdaj, indiferentaj posedantoj. La juna instruistino eksilentas, la delikate milda Vermland-a kanto mutiĝas, ĝemo ekŝvebas, poste ŝi ekiras sur la vojo de la vivo, por ke iam ŝi povu reveni al Morbaka, por ke ŝi iam retrovu sin, la mirindan sonĝmondon. La mortinta avino ne forgesis ŝin. Dum sendormaj, laborplenaj noktoj de la instruistino ŝi kondukis ties manojn, ŝiaj fabeloj reviviĝis kaj foje venis la Konkurso. En la konkurso oni povis legi verkon, en kiu Selma Lagerlöf rerakontis unu el la malnovaj historioj; simpla, senpera rakonto de freŝa, juna animo, kiun ne vualis la fuma elspiro de la vekiĝanta juna grandurbo. — Poste okazis ĉio, kiel en la feliĉa fabelo, aperas la unua romano, aŭ eble nur vastega fabelo: Gösta Berling — tiu ĉi speciala kunfandado de la realo kaj fabelmondo, tiu ĉi sorĉa historio pri la forpelita pastro, kiu klopodas al la belo kaj ek-ekfaletas, tiu ĉi mirinda verko, kiu ekŝvebigasnin en la mondon, kie ni sentas la realon, kvazaŭ neverŝajnan sonĝon. — Poste venis la famo, la honora doktoreco de la fiera, antikva universitato, Uppsala kaj post la morto de Strindberg jam oni ne povas disputi pri tio, kiu estas la plej granda vivanta verkisto de Svedlando, venas la Nobel-premio, sed ĉio ĉi ne estas grava, la sola gravaĵo estas, ke Selma Lagerlöf kun sia ĝojlarma patrino revojaĝas al la jam delonge forlasita domo en Morbaka, kien revenadas unu post la alia, la iam forpelitaj fabelkoboldoj, kiuj ravitaj pro la revido dankas per novaj historioj la favoron de sia mastrino...

Ni paroladas. Mi rigardadas la bonvolan, blankan kapon kaj forgesas, ke tiu ĉi afabla sinjorino estas unu el la granduloj de Svedlando kaj la mondliteraturo, ĝis la alparolo »doktor Lagerlöf« kaj la temo pri Strindberg denove reportas min en la realon. Ŝi tre estimas Aŭguston Strindberg, tiun ĉi tute de ŝi diferencan potenculon de la sveda literaturo. Sed ĉu ŝi amas la literaturon de Strindberg? La etaj okuloj ruzete brilas kaj ni scias nenion.

Kiam ni komencis paroli, ŝi forŝovas la arĝentan florvazon starantan antaŭ si, por ke ŝi povu vidi la kunparolanton. Mi devas konfesi, ke preskaŭ nur ŝi demandas, kaj ni nur respondas ,sed en ĉiu ŝia frazo vivas la intereso pri la problemo de mondlingvo kaj la sincera ŝato al Esperanto, — kiun ŝi tamen ne emas lerni »mi ja estas jam tiel maljuna«. Ni parolas pri la rolo de Esperanto koncerne la pliproksimigon de la malgrandaj nacioj, kies kulturvaloroj nur malofte kaj tute senkolorigite aperas al la granda publiko de la aliaj malgrandaj nacioj. Hindujo, Hungarlando, Esperanto — flugadas la vortoj, forkuras la tempo, ni estas bonhumoraj kiel knaboj, ni ridas kaj ridas la ĉambro, la suno, rideme brilas la vitro de la fenestro. Sub la prezido de doktoro Selma Lagerlöf ni unuanime decidas, ke la mondo devas kompreni, ke nia volo estas unu el la plej gravaj de la homaj voloj...

La tempo forflugis. Kaj foje la arĝenta florvazo, per ŝia apenaŭ rimarkebla manmovo, reiĝas inter ŝin kaj nin. Ni komprenas la delikatan atentigon kaj nun ni adiaŭas.

Kaj ni jam revadas pri la memoroj de serena, malofta antaŭtagmezo, en stokholma strato, kie ĝuste tiam forigis la neĝon la plej bonhumora, dika neĝlaboristo, la maljuna Suno.

*F. Szilágyi.*

En aŭgusto aperos la fama socia verko de

**TEODORO HERZL**

fondinto de la cionista movado

# LA JUDA ŜTATO

provo de moderna solvo de la juda problemo en la traduko de

**Bernhard Salzer**



Eldonas LITERATURA MONDO, Budapest.



Detaloj kaj prezoj en la sekva numero.



**Esperantistoj!**

Jam delonge vi revis havi bonan, interesan, vivan gazeton redaktatan de profesiaj ĵurnalistoj. Nun vi ĝin havas! De februaro 1934 aperas:

# *NIA GAZETO*

**monata, grandformata, okpaĝa ilustrata, absolute sendependa**

Direktoro: GEORGES AVRIL
Ĉefredaktoro: S. GRENKAMP-KORNFELD

**Ĉiu numero enhavas almenaŭ 2.500 liniojn de interesa, varia, bonstila teksto pri aktualaĵoj, literaturo, muziko, artoj, sciencoj, medicino, lingvaj demandoj, esperantista vivo, humoraĵoj, ktp. Notindaj estas ampleksa gazetar-revuo kaj objektivaj recenzoj.**

NIA GAZETO jam aperigis opiniojn de L. R. M. Gustavo V de Svedujo; de s-ro Edouard Herriot, eks-ĉefministro de Francujo, prezidanto de Internacia Instituto de Intelekta Kooperado; de s-ro Ludoviko de Souza Dantas, ambasadoro de Brazilio en Parizo; de s-ro Felikso Cielens, ministro de Latvio en Parizo; de s-ro Montarroyos; de s-ro Maurice Rolland, ktp.

NIA GAZETO jam publikigis speciale por ĝi verkitajn artikolojn de d-ro Leono Zamenhof; f-ino Lidja Zamenhof; s-ino Emma L. Osmond; s-ro Camille Aymonier; Julio Baghy; d-ro Briquet; prof. W. E. Collinson; d-ro Corret; prof. Dejean; Era; Friŝman; J. Glück; I. Lejzerowicz; L. Leontin; Fr. A. Prengel; Marc Pujo, kaj aliaj.

Jarabono: 10 fr. fk. por Francujo; 12 fr. fk. por landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm; 15 fr. fk por aliaj landoj

**Provekzemplero ricevebla kontraŭ 1 respondkupono de poŝto aŭ de UEA**

NIA GAZETO 29, avenue de la Victoire, NICE (Fr.)
Poŝtĉeka konto: Éclaireur no 262.74 Marseille

# Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.
*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.
*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.
*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.
La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperartikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperanto-literaturo.
Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# LA PIRATO

Petu specimenon!

kaperas ĉiumonate Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco . . . relativa. — Ŝipestro: **Raymond Schwartz.** Hejma haveno kaj administracio: J. Solsona, 9, rue Hallé, Paris-XIV.

# Kelkaj opinioj pri la „Enciklopedio de Esperanto“

**S-ro. W. M. Page:** »Mi tre admiras la Enciklopedion kaj avide atendas la duan parton.«

**S-ro. Saldanha Carreira:** »Kore mi vin gratulas, ĉar vere la Enciklopedio estas gravega verko.«

**S-ro. Grenkamp — Kornfeld:** »Plej koran admiran gratulon por tiu verko, speciale, kiam oni pripensas la kondiĉojn de tiu laboro.«

**S-ro. Oscar Bünemann:** »Kun plezuro mi ricevis la unuan voumon de la Enciklopedio de Esperanto, kaj mi gratulas vin pro tiu bonega eldonaĵo.«

**S-ro. K. von Frenckell:** »Koregan gratulon. Mi estas plene surprizita pri la granda, serioza kaj mirinda laboro. Ĝi estas efektive verko, kiun ĉi devus posedi.«

**S-ro Hans Jakob:** »Mi dankas vin pro la vere belega libro; mi trafoliumis kaj trovas ĝin bonega.«

**S-ro R. Kreuz:** »Jus alvenis la unua volumo de la Enciklopedio. Mi gratulas pro ĝi.«

**S-ino. J. Šupichová:** »Gratulon kaj dankon pro via klopodo doni al la esperantistaro tian grandiozan ĉefverkon, kia estas la ĵus ricevita Enciklopedio!«

**S-ro. A. Prengel:** »Mi konfirmas la ricevon de la unua volumo de la Enciklopedio de Esperanto kaj laŭde gratulas vian belan entreprenon.«

**S-ro. John Farrand:** »Mi ĵus ricevis la »Enciklopedio«, kiu tre plaĉas al mi; estas vere grandioza verko.«

**S-ro. R. Murray:** »Mi tre dankas vin pro la ricevo de la unua volumo de la »Enciklopedio de Esperanto«. Ĝi estas bonega verko kaj mi fieras havi ĝin. Mi nun senpacience atendas la duan parton.«

**Heroldo de Esperanto:** »La Enciklopedio de Esperanto, kies unuan volumon ni ĵus ricevis, estas sendube la plej grava verko de ĉi tiu jaro kaj apartenas al la plej signifaj verkoj de nia literaturo.«

**Svenska Esperanto-Tidningen:** »La apero de la Enciklopedio estas eksterordinare gratulinda okazaĵo... tiu ĉi verko estas preskaŭ vivbezonaĵo por ĉiuj seriozaj esperantistoj... ni povas nur kun la plej alta laŭdo pagi al la redaktantoj, kiuj donis al ni grandiozan verkon. Tiu ĉi libro devas esti en ĉies biblioteko.




Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.